ROTERDAMO

# Jubileanto

N-ro 1
sabato, 19-a de julio
redakciejo: ĉambro Vermaas
retpoŝto: kuriero@co.uea.org

Kongresa Kuriero de la 93-a Universala Kongreso de Esperanto, Roterdamo 2008

## Ekspozicio en la urba biblioteko

Ekde aprilo eblas rigardi ekspozicion pri Esperanto en la Centra Biblioteko de Roterdamo. La nun montrata kolekto estas jam la tria "eldono" dum preskaŭ kvar monatoj, ĉar la enhavo estis dufoje ŝanĝita. Kvankam la klarigaj ŝildetoj de la ekspozicio estas nederlandlingvaj, indas tamen viziti ĝin, ĉar la eksponaĵoj mem estas libroj k.a. esperantaĵoj. Eble la aranĝo de la ekspozicio ankaŭ donos ideojn, kiujn vi aŭ via klubo povos apliki por starigi similan ekspozicion en via propra urbo. Vi trovos la Centran Bibliotekon irante maldekstren de la kongreseja enirejo laŭ la strato Hoogstraat ĝis la granda bazara placo, aliflanke de kiu troviĝas la biblioteko (vidu la mapon sube, sed ne zorgu pri la trajn-reloj: ili estas subteraj).

La ekspozicio troviĝas en ĝia unua etaĝo, kien kondukas rulŝtuparo kaj lifto el la teretaĝa halo.




## Informo pri ekskurso al Hago

En la muzeo Panoramo de Mesdag (Zeestraat 65, Den Haag, http://www.panorama-mesdag.nl), kie videblas unu el la plej grandaj kaj plej belaj panoramo-pentraĵoj de la mondo, la ĉiĉerona teksto aŭdeblas ankaŭ en Esperanto. Se vi vizitas la muzeon, nepre ne forgesu peti la aŭdigon de la esperantlingva teksto kiam vi aĉetas vian bileton. Bonan amuziĝon!

## Cedu al arto-ŝoko

Marde je 16h15 en salono Piron okazas prelego de Katalin Kováts pri la vivo kaj arto de la fama nederlanda pentristo Vincent van Gogh. La programo estas bona enkonduko al eventuala vizito de la amsterdama Van Gogh-muzeo. Por interesatoj: la plej granda reta Galerio Van Gogh, ankaŭ kun esperantlingva teksto, troveblas ĉe: http://www.vggallery.com.



Kontribuu vi al *Jubileanto*! Venigu raportojn al la ĉambro Vermaas en la kongresejo, au sendu retpoŝte al <kuriero@co.uea.org>.




Ni informas vin ke la ĝusta kaj definitiva horaro de la **Paroligaj Kursoj kun www.edukado.net** (vidu la Kongresan Libron, p. 52) estas la sekva:

| | **Komencantoj** | | **Mezniveluloj** | |
|---|---|---|---|---|
| | K1 | K2 | M1 | M2 |
| Lundon | 14h15-15h00 | 15h15-16h00 | 14h15-15h00 | 15h15-16h00 |
| Mardon | 09h00-09h45 | 10h00-10h45 | 09h00-09h45 | 10h00-10h45 |
| Ĵaŭdon | 09h00-09h45 | 10h00-10h45 | 09h00-09h45 | 10h00-10h45 |
| Vendredon | 09h00-09h45 | 10h00-10h45 | 09h00-09h45 | 10h00-10h45 |

Ĉiutage la lecionoj 1 kaj 2 estas la samaj je ambaŭ niveloj. Sufiĉas viziti nur unu el ili.

## Notu bone!

### Programŝanĝoj

• La Kvizo okazos en salono Lapenna (ne Hodler!) en lundo je 17h00 - 18h00.

• IKU 4 (Sayadpour) en lundo, salono Lapenna je la 17h00 estas nuligita!

### Novaj programeroj

• Kunsido de Indiĝenaj Popoloj vendredon je 15h15 - 16h45 en salono Wensing.

• Prelego pri Nederlanda laborista Esperanto-movado (Oscar Persson) en dimanĉo je 15h45-16h45 en salono Teo Jung.

### Aldonaj informoj

• La temo de la debato okazonta dum la publika kunsido de ATEO (Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo), dimanĉon je 12h30 en salono Cseh, estas "Ateisma moralo". Ĉiuj estas bonvenaj.

### Korekto

• Sur paĝo 8 de la Kongresa Libro, "Estraro de UEA", erare elfalis ofico de Barbara Pietrzak, kiu ne nur havas informadon kiel fakon sed ankaŭ estas ĝenerala sekretario de la Estraro.

## Nur dek bicikloj rezervitaj

Post redaktado de la Kongresa Libro, en kiu oni legas ke bicikloj lueblas apud la Centra Stacidomo en Roterdamo, montriĝis ke la tiea provizo estas tamen pli limigita ol antaŭe supozate, kaj ke en la somero ĉiuj lueblaj bicikloj ofte estas prenitaj eĉ kiam ne okazas evento kiel granda internacia kongreso. La biciklejo do rekomendis de-antaŭan grupan rezervon kaj tio estis farita, sed nur por dek bicikloj. Se vi volas rajdi sur biciklo dum la kongresa semajno sen devi serĉi aliloke (precipe ĉe stacidomoj de apudaj urbetoj, kie ankaŭ eblas lui biciklon), rapidu do por kapti unu el la disponeblaj. Eblas jam en sabato, sed plej malfrue en dimanĉo por unu el la dek, rezervitaj nur ĝis tiam kvankam preneblaj por la tuta semajno.

## Paroligaj Lecionoj de edukado.net

(Ĉiun kongresan tagon, de lundo ĝis vendredo)

**"Pinĉilumu kun ni!"**



Uzante pinĉilojn ni deziras helpi en tio, ke konversaciemaj esperantistoj povu trovi babil-partnerojn.

Komencantoj metu verdan pinĉilon sur sian vestaĵon, kiam ili bezonas ekzercadon en la lingvo kaj deziras paroli kun aliaj esperantistoj. La verda pinĉilo indikas, ke ili ŝatus babili.

La pli spertaj esperantistoj uzas ruĝajn pinĉilojn por indiki, ke ili havas tempon, volonte konversacias eĉ kun malpli spertaj samideanoj por helpi ilin en la lingvoekzercado.

Ne forgesu forpreni vian pinĉilon se vi ne plu havas tempon. Pinĉilojn vi trovas en diversaj lokoj de la kongresejo. Bv. servi vin!

## Vizitado al la Centra Oficejo

Multaj kongresanoj certe deziras viziti la Centran Oficejon de UEA en Nieuwe Binnenweg 176. Lastatempe ĝi estis funde renovigita, kvankam la lasta tuŝho ankoraŭ estos farenda post la UK. Dum la UK estos montrata ankaŭ ekspozicio pri la historio de UEA, kunmetita de d-ro Ziko van Dijk.

Se vi jam vizitis Malferman Tagon de la CO, vi povis sperti, ke jam kun kelkdeko da vizitantoj la domo estas tre plena. Ĝi ja ne estas celita por akcepti grandajn homamasojn. Pro tio ne eblos viziti ĝin kiam ajn dum la UK: vizitoj eblos nur en grupoj de maksimume 35 personoj. Por ĉiu grupo oni disponigos maksimume 45 minutojn. Se vi deziras viziti la Centran Oficejon, bv. preni ĉe la budo "Vizitoj al la CO" enirbileton por tago kaj horo konvenaj al vi.

Atentu: la biletoj ne sufiĉas por ĉiuj kongresanoj! Se vi jam konas la Centran Oficejon aŭ povos facile viziti ĝin je alia okazo, ekzemple dum la Malferma Tago la 29-an de novembro, bv. ne viziti ĝin dum la UK. Ankaŭ la ekspozicion eblos vidi poste, ĉar ĝi restos montrata ĝis la fino de la nuna jaro.

Biletoj haveblos por dimanĉo je 14h00, 15h00, 16h00 kaj 17h00, kaj por ĉiu tago de lundo ĝis vendredo je ĉiu horo de 09h00 ĝis 17h00.

## Saluto de Marjorie Boulton

Mi iam esperis ĉeesti ĉi tiun Universalan Kongreson, sed mia sanstato ankoraŭ kreis malhelpojn.

Mi varme, kore, multmemore, deziras al ĉiuj brilan kongreson, kun personaj ĝojoj, novaj scioj kaj daŭraj inspiroj.

Mi salutas ĉiujn, el ĉiuj landoj, ĉiuj rasoj, ĉiuj kredoj.

Mi speciale bondeziras al miaj kolegoj en la Akademio, miaj gefratoj verkistoj kaj ĵurnalistoj, la sanigemaj nefumantoj, kaj la Kat-amikaro.

Sed – amike al ĉiuj –

### ROTTERDAM RENASKITA

*Ho, urbo de mil mastoj*
*kaj grizaj gruoj,*
*ŝipoj de ĉiuj rasoj, ĉiuj kastoj*
*havenas en vi pace,*
*en viaj gastamaj vastoj.*

*Ho, urbo nova, freŝa, pura!*
*Sub la milit' tortura*
*vi preskaŭ mortis.*
*Preĝejoj kaj butikoj*
*kaj domoj kaj fabrikoj,*
*disfalis en detruoj,*
*polve, fragmente, ruine,*
*sed ne kapitulace!*
*Ĉar vi ne estis aro nur de brikoj;*
*via animo fortis,*
*neniam kaŭris kline!*

*El la ŝirita koro*
*refloras gloro;*
*vi, frakasita, plata*
*sub la milito senkompata,*
*entreprenis vian taskon,*
*krei renaskon!*

*Oni jam pensis: jen la fino.*
*Ruino!*
*Vi laŭte kriis la refuton.*
*Ho, brava urbo de kuraĝaj homoj,*
*printempa urbo de kreskantaj domoj,*
*saluton!*

Marjorie Boulton
Rotterdam, 1954

## Honora Komitato

Post la redaktofino de la Kongresa Libro tri pliaj nederlandaj eminentuloj membriĝis en la Honora Komitato de la 93-a UK:

– S-ino Hella Haasse, verkistino, unu el la internacie plej konataj nederlandaj aŭtoroj;

– S-ro Coen Moulijn, eksfutbalisto, ĉampiono de la Monda Pokalo kun la klubo Feyenoord en 1970;

– S-ro Ernst Numann, prezidanto de la Societo *Onze Taal* (Nia Lingvo).

## Futbalklubo Feyenoord 100-jara hodiaŭ




Ĝuste hodiaŭ, la 19-an de julio, festas sian 100-jariĝon Feyenoord, la monde plej fama Roterdama futbalklubo. Unu el ĝiaj plej legendecaj ludistoj, Coen Moulijn, akceptis esti membro de la Honora Komitato de tiu ĉi UK. Ekspozicio pri la 100-jara klubo estas montrata en la muzeo Schielandhuis, najbare al la kongresejo, kaj ĝuste hodiaŭ senpage vizitebla, sabaton la 19-an de julio, de 11h00 ĝis 17h00. Gratulon al nia samaĝulo!

## Aŭktoro: ĉu tajperaro?



Inter la membroj de la Honora Komitato vi trovas Jules Deelder. Se vi kredas esti trovinta tajperaron en lia titolo, "aŭktoro", vi eraras! Temas pri rekta "traduko" de lia mem uzata titolo "aucteur", kombino de aŭtoro kaj aktoro. Deelder estas krome la nokta urbestro de Roterdamo. Ke ankaŭ la taga urbestro, Ivo Opstelten, membras en la Honora Komitato, simbolas ke la kongresanoj estas tagnokte bonvenaj en Roterdamo.

Ĉar aliloke ni gratulas la 100-jaran Feyenoord, neŭtraleco de UEA postulas dediĉi belan penson ankaŭ al ĝia samurba rivalo Sparta (fondita




en 1988, do unu jaron pli juna ol Esperanto), inter kies subtenantoj Jules Deelder certe estas la plej fama.

## Aŭtoraj duonhoroj dum la UK

Kaptu la okazon por renkonti Esperanto-verkiston kaj aŭdi lin/ŝin rakonti pri sia verkado – kaj aŭtografi siajn librojn. Dek kvin aŭtoroj atendos vin en la libroserva salono Bulthuis laŭ jena programo:

*Dimanĉo, 20 julio:*
Hori Jasuo: 16h00-16h30
Lena Karpunina: 16h30-17h00

*Lundo, 21 julio:*
Marcel Leereveld: 14h00-14h30
Heidi Goes: 15h00-15h30
John Wells: 17h00-17h30

*Mardo, 22 julio:*
Humphrey Tonkin: 10h00-10h30
Gerrit Berveling: 12h15-12h45
Stano Marĉek: 15h15-15h45
Stephan Lang: 16h00-17h00 (vd. sube)

*Ĵaŭdo, 24 julio:*
Spomenka Stimeć: 13h30-14h00
Baldur Ragnarsson: 14h00-14h30
Ziko van Dijk: 14h30-15h00

*Vendredo, 25 julio:*
Ed Borsboom: 11h00-11h30
Anna Lowenstein: 12h00-12h30
Roman Dobrzyński: 14h15-14h45

Dum la speciala aŭtora horo en mardo temos pri la ĵus aperinta libro *La talpoĉasisto*. Pri ĝi rakontos la nederlanda aŭtoro Stephan Lang, la tradukisto Gerrit Berveling kaj István Ertl.

## Kvin novaj libroj de UEA

Aperos kaj estos aĉeteblaj ĉi-semajne en la kongresa libroservo kvin novaj libroj eldonataj de UEA. Elstara por la jubilea okazo de la centjariĝo de UEA estas *Utila Estas Aliĝo: Tra la unua jarcento de UEA* de Ulrich Lins. Amuza kaj eduka por kongresanoj kiuj volas esplori la najbarejon de la Centra Oficejo estas *Tuj apude* de Humphrey Tonkin. Bele prezentita estas kolekto de tradukoj fare de Gerrit Berveling de rakontoj de la fama nederlanda aŭtoro Louis Couperus, *Pri vagabondoj kaj friponoj, pri damoj kaj kavaliroj*. Aperas scienca lingva studo de Wim Jansen, *Naturaj vortordoj en Esperanto*, kaj fine nova eldono de la Gvidilo al la Internaciaj Ekzamenoj de ILEI/UEA.

## Saluto de Bahaa Esperanto-Ligo

Karaj estimatoj,

Okaze de la centa datreveno de la fondo de Universala Esperanto-Asocio ni ĝoje komunikas al vi – aldone al niaj propraj bondeziroj de la 21-a de aprilo – la gratulojn de la plej alta gvidorgano de la Bahaa Internacia Komunumo, la Universala Domo de Justeco. Tiu nin petis al vi transoni ĝiajn elkorajn gratulojn kaj ke bonvenas al ĝi la okazo de la celebrado de via centjariĝo por esprimi al vi sian altan estimon por la persistemo de la esperantistoj je siaj klopodoj veki atenton por la graveco establi reciprokan komprenon inter la popoloj de la mondo helpe de komuna lingvo. Laŭ ĝi la membroj de UEA konfidu ke – kun la integriĝaj procezoj sur la tuta terglobo tiel rapide akceliĝantaj – nepre venos tempo kiam nerezistebla fariĝos la neceso de tiom inda celo. Ankaŭ estu la esperantistoj ĉie ajn certigataj pri la plej bonaj deziroj de la tutmonda bahaa komunumo kaj pri ĝia plenkora kuraĝigo de iliaj noblaj streboj.

Kun la plej bonaj deziroj salutas vin,
altestime kaj amike
Bahaa Esperanto-Ligo, La Estraro

Bernhard Westerhoff, sekretario

## IKEK konferencis

Aktivuloj de Internacia Komunista Esperantista Kolektivo (IKEK) kunvenis en Roterdamo jam antaŭ la UK por dutaga konferenco en la sidejo de *Rode Morgen* (Ruĝa Morgaŭo). En la programo estis ankaŭ vizito al la CO de UEA. Salutante la konferencanojn, Osmo Buller, Ĝenerala Direktoro de UEA, atentigis pri ronda datreveno: kunlabora kontrakto inter UEA kaj IKEK estis akceptita en 1998 dum la Montpeliera UK.

## Informo pri la infankongreseto

En la junulargastejo de la IIK restas kelkaj liberaj lokoj. Interesataj infanoj kaj helpantoj venu al: Samuel Naardenhuis, Krimweg 10, 3223 NB Oostvoorne. Konsultu Komunikon en retejo: bertosch.free.fr/iik2008. Por ĉia helpo dankas IIK-komisiito Bert Schumann, KN 322.

ROTERDAMO

# Jubileanto

N-ro 2
lundo, 21-a de julio
redakciejo: ĉambro Vermaas
retpoŝto: kuriero@co.uea.org

Kongresa Kuriero de la 93-a Universala Kongreso de Esperanto, Roterdamo 2008

## Solena inaŭguro

La granda festo pri la centjariĝo de Universala Esperanto-Asocio komenciĝis dimanĉon matene per la inaŭguro de nia 93-a Universala Kongreso, en la salono Zamenhof de la kongresejo.

Pli precize en la "salonoj" Zamenhof, ĉar pro la granda kvanto da partoprenantoj (preskaŭ 1800), krom la salono Hodler oni devis ankaŭ havi kroman publikon en salono Uitterdijk, kiu povis ĝui la spektaklon per moderna ekran-ekipaĵo.

Nia prezidanto Probal Daŝgupta lerte kaj sprite gvidis la matenan ceremonion, komence en tradicia stilo bonvenigante la kongresanojn, ĉifoje al la urbo kiu de pli ol duonjarcento gastas nian jubileantan asocion, kaj poste prezentante la podianojn, nome la Estraron de UEA kaj la ĉefajn gastojn, de la prezidanto de TEJO Gregor Hinker tra la ĉefparolanto Humphrey Tonkin ĝis la antaŭa asocia prezidanto Renato Corsetti.




Al la inaŭguro ĉeestis ambasadoro Frane Krnić kaj konsilisto Mirjana Stančić el la kroata ambasado; David Szesztai, portempa hungara aferŝarĝito; Jorge L. Alfonzo, konsilisto, vicestro de la kuba ambasado; kaj Volodymyr Dziub, konsilisto, vicestro de la ukraina ambasado. Ĉeestis ankaŭ membro de la Honora Komitato de la UK Peter Bulthuis. Krome ĉeestis estraranoj de la Nederlanda Mondfederista Movado, kies prezidanto Frans Vermeulen, membro de la Honora Komitato, poste vizitis la kongreson en la posttagmezo.

Post legado de la salutoj de la lokaj aŭtoritatoj, inter kiuj telegramo de la reĝa familio, vicprezidanto Ranieri Clerici legis tre varman mesaĝon de la ĝenerala direktoro de Unesko s-ro Koïchiro Matsuura, kiu, substrekinte la manieron en kiu Esperanto estas tre ligita al la ĉiama laboro de Unesko pri defendo de kultura pluraleco kaj pri subteno al la patrinaj lingvoj, finis per rekono ke "kongrue kun la senĉesaj klopodoj faritaj de ĉiuj esperantistoj en la mondo tra la lastaj jardekoj, la 93-a Universala Kongreso de Esperanto reprezentas unikan kontribuon al la afero de lingva diverseco."

Sekvis poste la salutparoladoj de Louis Christophe Zaleski-Zamenhof (kortuŝa kiel kaj pli ol ĉiam, skemante la pasintajn cent jarojn de UEA tra la nomoj de ĝiaj plej elstaraj prezidantoj, kies heredaĵon transprenas same grava multnombra klerularo nuntempa) kaj de Ans Bakker-ten Hagen (kiu parolis poezie pri la gutoj kiuj minacas malsekigi nian kongreson, atentigante ke se ili estas sentesprimo de la roterdamaj nuboj, tiam sendube ili estas larmoj de ĝojo).

Grandegis la aplaŭdo kiam la ĝenerala direktoro de UEA anoncis novan Honoran Membron de UEA: Simo Milojević, kiu dum pluraj jardekoj laboris en la Centra Oficejo en plej diversaj roloj,

inkluzive dum longa neforgesebla tempo tiun de ĝenerala direktoro.

Post enkonduka paroladeto de la reĝisoro de la kongresa temo, A. Giridhar Rao, alvenis la festparolado de Humphrey Tonkin, kiu reliefigis kiel la nun unujarcenta historio de UEA komenciĝis kiam Hector Hodler kaj liaj kunlaborantoj ĝin fondis por fronti gravan momenton de ŝanĝiĝoj en la mondo kaj en la movado, kaj kiel tuj poste, kaŭze de la unua mondmilito, ĝia forto estis elprovita en granda kampanjo de reunuigo de familioj, kiujn la milito diserigis. Same nun, diras Tonkin, la mondo alfrontas alian momenton de ŝanĝiĝo, ekzemple sed ne nur en la komunikrimedoj, kaj UEA devas nun alfronti sian duan jarcenton trovante en si mem la forton por rajdi kaj reprezenti tiujn ŝanĝiĝojn.

Post mallonga muzika paŭzo de Elena PuĤova, kiu bele kantis kanton de ŝi mem verkitan por nia kongreso, estis la fina – longa sed ĉiam tre atente sekvata de la publiko – vico de salutoj, unue de la prezidanto de TEJO Gregor Hinker, poste de Aida Čižikaitė nome de ILEI, de John Wells por la Akademio de Esperanto, de SAT, de la urbestro de la Esperanto-urbo Herzberg, kaj poste de la reprezentantoj de la ĉeestantaj landoj, gvidataj (kaj foje pelataj) de estraranoj Claude Nourmont kaj José Antonio Vergara.

Almenaŭ 73 landoj ĉeestas nian kongreson, kaj ni aŭdis "Bonan tagon" en la lingvoj de ĉiuj ili. Bela maniero por reliefigi kiom tamen grandaj estus la problemoj interkompreniĝi inter ni nun, se antaŭ jarcento Hector Hodler, tiam 19-jaraĝa junulo, ne estus alfrontinta la ŝtormojn kiuj tiam traskuis la movadon, inventante tiun UEA kiu nun, unu jarcenton juna, gastas nin en sia sideja urbo.

"La Espero", kiun la tuta staranta publiko Ĥoris en la fino de la inaŭguro, refoje aŭguris ke "dissaltos la obstinaj baroj, per la sankta amo disbatitaj".

Bruĉjo Kasini

## Mesaĝo de s-ro Koïchiro Matsuura, ĝenerala direktoro de Unesko okaze de la 93-a Universala Kongreso de Esperanto Roterdamo, 19-26 julio 2008

Ĉi tiu kongreso okazas je tute taŭga momento: duone tra la Internacia Jaro de Lingvoj 2008. Kiel esenca dimensio de homa ekzistado, lingvoj ĉiam estis en la kerno de la misio de Unesko, kaj ni ludas gvidan rolon en la kunordigado de agadoj tra la jaro. Fakte, lingvoj estas menciitaj en la unua artikolo de nia Konstitucio, kiu diras ke la celo de la organizo estas "kontribui al paco kaj sekureco, stimulante kunlaboradon inter la nacioj per edukado, scienco kaj kulturo por antaŭenigi universalan respekton por justeco, por la regado de leĝoj kaj por la homaj rajtoj kaj fundamentaj liberecoj [...] sendistinge pri raso, sekso, lingvo aŭ religio."

Ĉi tiu vizio daŭre gvidas la laboron de la organizo, kaj je la labora kaj je la normiga niveloj, en ĉiuj niaj kampoj de kompetento: edukado, sciencoj, kulturo kaj komunikado. Ni laboras por antaŭenigi plurlingvan edukadon kaj multlingvismon en ciberspaco, por savi endanĝerigitajn lingvojn, plifortigi indiĝenajn lingvojn kiel portilojn de scienca scio kaj scipovo, kaj por analizi la ligojn inter la praktikado de lingvoj kaj sociaj transformiĝoj. Nian agadon en la kampo de lingvoj antaŭnelonge plifortigis la kreado de Intersektora Platformo por Lingvoj kaj Multlingvismo.

Plie, Unesko laŭ sia propra naturo estas multlingva organizo: niaj gvidaj organoj laboras per naŭ lingvoj, kaj multaj paĝoj kaj temoj en nia Unesko-retejo estas seslingvaj.

Estante centra por la identeco de individuoj kaj reprezentante strategian faktoron por daŭrigebla evoluo, multlingvismo estas nuntempe, en epoko de tutmondiĝo, pli ol iam ajn ŝlosila temo por la estonteco de la homaro. Tial la slogano, kiun ni kreis por la Internacia Jaro de Lingvoj esprimas klare sed elokvente, ke "lingvoj gravas".

Kongrue kun la senĉesaj klopodoj faritaj de ĉiuj esperantistoj en la mondo tra la lastaj jardekoj, la 93-a Universala Kongreso de Esperanto reprezentas unikan kontribuon al la afero de lingva diverseco.

Tial mi deziras al Universala Esperanto-Asocio, al la organizantoj de la kongreso kaj al ĉiuj partoprenantoj plenan sukceson en iliaj diskutadoj.

## Nova Honora Membro: Simo Milojević

**Simo Milojević** naskiĝis la 14-an de decembro 1936 en Kunja Glavica, Trebinje (Hercegovino), Jugoslavio. Esperantistiĝis fine de 1956 en Zemun (Beograd). Estis sekretario de loka E-klubo, poste de Jugoslavia Esperantista Junulara Asocio (JEJA) kaj de Jugoslavia Esperanto-Instituto. En 1963 estis ĉefredaktoro de *Jugoslavia esperantisto*, poste de *La suda stelo* (1964, 1967-1969). Kiel komisiito de UEA li restadis pli ol jaron (1960-1961) en Hinda Unio kaj Nepalo por instrui Esperanton. Milojević redaktis la revuon *Kontakto* (1970-1974), estis vicdirektoro de la CO de UEA (1974-1980), kaj redaktoro de *Esperanto* (1974-1984). De 1983 ĝis 1995 li estis ĝenerala direktoro de UEA. Li estis membro de la Akademio de Esperanto (1989-1998). En sia sesdeka vivojaro, li decidis formeti ĉiujn movadajn funkciojn kaj labori kiel libroservisto kaj bibliotekisto en UEA de 1996 ĝis la fino de 2002, kiam li pensiiĝis.

## Malnov-holandaj ludoj

Ekde lundo vi povos sperti ion tipe holandan. En la granda halo ni starigos dek du t.n. "malnov-holandajn ludojn". Vi povos klopodi unue ŝovi per diskoj en disko-ŝovujo, aŭ provi alian strangan variaĵon de tiu nederlanda ludo. Aŭ ludi kegloludon, kiu estas tre stranga… Vi povos ankaŭ konkursi, ĉar vi povos gajni poentojn ĉe ĉiu ludo. Poste kalkulu la sumon kaj donu la papereton al la funkciulo kiu prizorgas la ludojn. Ĉiutage la nomo de la gajninto de la tago aperos en la Kongresa Kuriero, kaj la ĉampiono de la tuta kongreso ricevos belan memor-pokalon. Multan plezuron!

## Esperanto en ĉefa tagĵurnalo



Ĝenerala direktoro de UEA Osmo Buller (supre) haltas momenton en metrostacio por legi la dupaĝan artikolon "*Taal voor de hele mondo*" (Lingvo por la tuta "mondo") de ĵurnalisto Carl Brendel aperintan en la sabata *Rotterdams Dagblad* (19 julio). La tre pozitiva artikolo estis konstruita ĉirkaŭ vizito al internacia familio de Sylvain Lelarge, Katalin Kováts kaj ilia fileto Martin, kvarlingva denaskulo. La tekston spicis saĝaj eldiroj de juna nederlanda intervjuito Nico Huurman, kiu respondecas pri la junulara programo dum la UK. La tuto estis ĉarme ilustrita kaj akompanis ĝin du skatoloj, unu kun la Esperanto-alfabeto kaj alia kun la historio de Esperanto, en kiu ne mankis portretoj de Ludoviko Zamenhof kaj de William Auld.

# Gazetaraj kontaktoj

**La 15-an de junio:**
Intervjuo kun Wim Jansen, docento pri Esperanto kaj Interlingvistiko, Amsterdama Universitato, fare de ANP, Ĝenerala Nederlanda Gazetaragentejo.

**La 17-an de junio:**
Artikoloj en diversaj ĵurnaloj de la Komuna Gazetara Servo, i.a. *Haarlems Dagblad*.

**La 28-an de junio:**
Artikolo en *Nederlands Dagblad* (ĵurnalo reformita). Intervjuitaj: Hein Wernik kaj Rob Moerbeek.

**La 17-an de julio:**
NOVA TV filmis en la konferenco de Esperanto-Profesoroj en Amsterdamo.

**La 19-an de julio:**

- Intervjuo en la radiorubriko "Capuccino" de NRCV Radio, Radio 2, je 9h45. Intervjuita estis Gerard Peet.
- NOS Radio 1 Journaal, inter 13h30 kaj 14h00. Intervjuo kun Wim Jansen.
- Artikolo en *Algemeen Dagblad*, plej granda ĵurnalo de Roterdamo.
- Artikolo en *Trouw* en kiu ĵurnalisto intervjuis Oscar Persson, kiu verkis studraporton pri la laborista esperantismo antaŭ la Dua Mondmilito.
- Radio Rijnmond-ĵurnalisto venis por "snufi" la etoson. Intervjuoj kun diversaj kongresanoj kaj Bert de Wit. La elsendo okazos en lundo.

### Estimataj geredaktoroj de *Jubileanto*,

Estas agrable "kongresi" ankaŭ hejme en Finnlando. Tre atente mi sekvas la Kongresan Kurieron. Jam mia samlandanino Sirkka Mattlin raportis pri siaj unuaj spertoj en Roterdamo telefone. Kompreneble mi ege atendas la voĉon de Pola Radio, kiu ĉiam brile transdonis kaj transdonos UK-etoson en konkrete palpebla voĉa varianto. Jen eta peto: ĉu oni povus mencii la nomojn de tiuj personoj, kiuj respondecas pri la redaktado de nia prestiĝa *Jubileanto*. Ĉion bonan kaj sukcesan kongreson al ĉiuj gefeliĉuloj en Roterdamo.
Amike kaj plenkore,
Jorma Ahomäki el Turku en Finnlando

***Red.:*** Saluton, Jorma, kaj dankon pro via afabla mesaĝo, kiu estas la unua kiun ni estas ricevintaj per retpoŝto, kaj per kiu ni ekscias ke nia Kuriero dissendiĝas elektronike tutmonden. La ĉefa kulpigeblulo pri *Jubileanto*, kaj la sola pri ĝia unua numero, estas Roy McCoy de la Centra Oficejo de UEA, kiu iĝas ekde tiu ĉi dua numero helpata de Brunetto Casini (Bruĉjo) el Ital*ujo*, kaj de Maria Nazaré Laroca (Nanjo) el Brazilo.

# Kunvenaj raportoj

**La Komitato de UEA** kunsidis sabate posttagmeze. Ĝi diskutis kaj decidis pri la estrara raporto pri la jaro 2007 kaj pri la financaj raportoj pri 2007, kaj akceptis la raportojn. Por la kongresa semajno, la Komitato decidis pri respondeculoj por la subkomitataj kunsidoj, kiuj raportos pri siaj diskutoj al la dua komitata kunsido en vendredo. Alia dumkongresa komisiono temas pri la kongresa rezolucio, por kiu elektiĝis kvinpersona grupo de Brian Moon, Renato Corsetti, Humphrey Tonkin, A. Giridhar Rao kaj István Ertl.

La Komitato elektis novan Elektan Komisionon, kiu preparos la elektojn de nova estraro en la jaro 2010, sed eklaboros jam dum la kongreso 2009. Ĝi konsistos el Renato Corsetti, Lucy Harmon kaj Ileana Schroeder. La Komitato estas la supera decida organo de UEA, kaj konsistas el reprezentantoj de landaj asocioj, fakaj asocioj, reprezentantoj elektitaj de la membroj, kaj malgranda nombro krome elektita de la Komitato mem.

**ILEI, aliĝinta fakasocio de instruistoj,** kunsidis dimanĉe posttagmeze, kaj la estraro kaptis la okazon por disdoni iom malfruajn financajn raportojn al la komitatanoj de ILEI. Kvar estraranoj ĉeestis kaj respondis al demandoj pri la funkcio de la estraro kaj pri la venonta konferenco en Benino. La kontrola komisiono estas kontenta pri la financaj raportoj kaj rekomendas malŝarĝon de la estraro. La konferenco en Benino havas kontentige multajn aliĝojn, el kiuj triono venas el ekster Afriko. La komitato de ILEI kunsidos en Benino, sed tro malmultaj komitatanoj estos tie, kaj decidoj devos okazi per poŝta voĉdono post la konferenco. La estraranoj invitis al la Tago de la Lernejo, kiu okazos marde, kaj tiam estos ankaŭ eblo diskuti pri la agado de ILEI.

**La subkomitato pri informado** estas unu el ok kunsidoj, en kiuj komitatanoj kaj kongresanoj povas diskuti rekomendojn pri estonta agado, pri kiu la Komitato de UEA decidos vendrede. Ĝi kunsidis dimanĉon posttagmeze, kun 35 partoprenantoj, sub la gvido de Jukka Pietiläinen kaj kun partopreno de la estrarano pri informado, Barbara Pietrzak.

La diskutoj temis pri la diferenco inter informado al membroj kompare kun informado al ekstera mondo. La rolo de interretaj paĝoj kaj planoj pri plibonigoj estis diskutata. Pluraj partoprenantoj esprimis bezonon de centre preparita materialo, kiu taŭgus por informado al ekstero, ĉu en foiroj, ĉu al ĵurnalistoj, ĉu al oficialaj instancoj kiel UN kaj Unesko.

**La unua prelego de IKEL** okazis en dimanĉo tagmeze. Ĝi estis tre interesa prezento de Probal Daŝgupto pri etnismo en Barato, pri la elekto de la nomo Barato anstataŭ la iama Hindujo, pri transdono de etnaj kaj kulturaj valoroj al venontaj generacioj, kaj pri nuna evoluo de etnaj identecoj. Prelego organizita de IKEL ankaŭ okazis kadre de la kongresa temo: prof. Marc van Oostendorp parolis pri minoritataj lingvoj en Nederlando. La venonta IKEL-prelego okazos ĵaŭdon je la 12h00 en salono Piron.

**"Rondo UKn pripensi"** havis sian unuan, provizoran kunvenon sabaton vespere post la Movada Foiro. Temas pri nova provo pripensi kune, kiel plibonigi, plivigligi UK-programojn. Dua kunveno, pli ampleksa, okazos vendredon en horo kaj loko anoncotaj. Interesitoj kontaktu KN 146.

# Notu bone!

## Programŝanĝoj

- La IKU-prelego/AIS-kursosesio de John Wells, "Krei prononcvortaron de la angla", okazos ne en vendredo laŭ la Kongresa Libro, sed en mardo je 16h00 en salono Privat. Senŝanĝaj restas liaj du aliaj prelegoj, "Mirinda mondo de la parolsonoj" (lundo 14h30, Lapenna), kaj "La frazmelodio en internacia perspektivo" (ĵaŭdo 16h00, Teo Jung).

- Kantemuloj! Ankoraŭ unu preparsesio de la Internacia Koruso estas organizita. Ĝi okazos lundon en ĉambro Teo Jung de 17h00 ĝis 18h00.

## Infankongreseto

- En lundo la infanoj vizitas la historian urbon Brielle, tie ekscias pri la origino de ŝercoj pri la "1-a de aprilo", boatveturas, kaj revenas piede 7 km. Retaj informoj ĉe: bertosch.free.fr/iik2008.

## Libroservo

- Se vi ne trovas deziratan varon ĉe la kongresa libroservo, mendu ĝin per la speciala mendilo ĉe la libroserva kaso. Se la Libroservo de UEA havas ĝin, sekvatage vi ricevos ĝin en la sama loko kie vi mendis ĝin, t.e. en la kongresa libroservo.

## Nova programero

Mardon vespere Esperantista Go-Ligo Internacia (EGLI) aranĝos senkostan viziton al la Roterdama Go-klubo. Tiuj, kiuj ŝatus ludi kontraŭ roterdamanoj, anoncu sin tuj ĉe la dumkongresa Go-reprezentanto Alfonso Pijnacker, KN 1055. Tiuj, kiuj volas lerni la ludon povas anonci sin ekde lundo ĝis ĵaŭdo por ekspliko. Ĵaŭdon, je la 14h45, estos en salono Cseh okazo por pli konatiĝi, por ludi kaj por lerni.

ROTERDAMO

# Jubileanto

N-ro 3
mardo, 22-a de julio
redakciejo: ĉambro Vermaas
retpoŝto: kuriero@co.uea.org

Kongresa Kuriero de la 93-a Universala Kongreso de Esperanto, Roterdamo 2008

# Verda klereco venas jam en lundo

*Dek kvin prelegoj/diskutoj en unu mateno povas ŝajni tro multaj, sed tiuj de la Kleriga Lundo de nia kongreso ĝuis plenajn salonojn, kaj eĉ okazis malpermeso al pluraj kongresanoj eniri aŭskulti tion, kio interesis ilin.*

*Ne pri ĉiuj eroj ni jam ricevis raporton, sed ni prezentas ĉi-sekve tiujn, kiuj atingis nin.*

• **Informatiko.** Dum unu el la matenaj kunsidoj de la Kleriga Lundo, Peter Baláž kaj Jevgenij Gaus prezentis aspektojn de la uzo de komputila tekniko en la Esperanto-laboro. En tio estis listo de punktoj pri praktikaj problemoj, kiujn oni solvu aŭ evitu, kiam oni serĉas informojn en Interreto aŭ uzas ĝin por publikigo de tekstoj kaj bildoj. Peter kaj Jevgenij donis praktikajn konsilojn pri formuligo de serĉo-kondiĉoj kaj pri uzo de komputilaj programoj por supersignoj kaj por aspektigo de paĝoj. Grava konsilo estis, ke oni petu kunlaboron de spertuloj pri tio kion oni ne mem scias fari. Esperantisto same kiel alia homo ne povas mem havi ĉiujn sciojn pri verkado, aspektigo, publikigo kaj tekniko.

• **Landa agado.** Por prezenti diversajn facetojn de la landa agado cele al pli bona laboro en la kampoj de informado, instruado kaj utiligo de Esperanto, renkontiĝis ĉi-lunde, la 21-an de julio, ĉirkaŭ 40 geesperantistoj en la salono Privat.

La prezenton faris reprezentantoj el tri mondopartoj, nome Ileana Schroeder el Eŭropo, Lee Jung Kee el Azio, kaj Maritza Gutiérrez el Ameriko.

Oni emfazis la gravecon ke landaj aktivuloj devas esti bone informitaj por povi bone argumenti ĉe eksterasociaj instancoj kaj universitatoj, cele al la altigo de la prestiĝo de Esperanto interne kaj ekstere.

• **Lernado de Esperanto.** Tri parolantoj vojaĝintaj longan distancon malsamdirekte al Roterdamo fortigis ligon inter la foraj mondpartoj. Gbeglo Koffi el Togolando informis pri Esperanto-lernado en sia parto de Afriko. Pro manko de afriklingvaj lernolibroj, kaj eĉ pli pro manko de leg- kaj skrib-kapablo de la parolantoj de tiuj lingvoj, plej valoras rekta metodo por instrui tie.

Etsuo Miyoshi el Japanio kun amuzaj anekdotoj parolis pri siaj malfacilaĵoj lerni Esperanton, malgraŭ kiuj li plurjare penadas kaj forte kredas je ĝia valoro.

Joel Brozovsky parolis ne pri lernado mem, sed pri la pli fundamenta demando, kial lerni Esperanton, se vi jam denaske posedas la tiel nomatan "mondlingvon", la anglan. Siajn kialojn li dividis en du partojn: persona profito kaj ekologia aŭ media profito – tio estas, privata bono kaj publika aŭ socia bono. Fine estiĝis vigla diskuto pri lernado en Afriko kaj Japanio.

• **Vikipedio.** Salono Wensing kun siaj 50 sidlokoj plenegis, kaj ĉirkaŭu 30 pliaj interesitoj devis resti

*(daŭrigata sur p. 2)*

## *Doktoro Esperanto*, teatraĵo de juna lertulo



Mario Migliucci estas juna itala aktoro, mem aŭtoro de siaj tekstoj. Li verkis teatraĵon pri la naskiĝo de Esperanto, kaj li ĝin plurfoje prezentis en la itala lingvo antaŭ ol esperantistoj renkontis lin kaj al li proponis traduki lian verkon, se li ĝin volas prezenti en la Internacia Lingvo.

Li tion entuziasme akceptis, kaj nun en nia UK li prezentis la unuan parton de sia teatraĵo en Esperanto (la traduko estis farita de Michela Lipari), kun granda sukceso ĉe la publiko: plenplena salono, kun personoj starantaj ĉe la muro, kaj tre longa fina aplaŭdo.

Lin enkondukis Bruĉjo Kasini, kiu anconcis la projekton eldoni en venonta novembro DVD-on kiu enhavos la teatraĵon en Esperanto, scenaranĝitan, kun dublado en pluraj lingvoj, laŭeble en ĉiuj lingvoj de Eŭropa Unio, tiel ke la disko povu esti uzata ankaŭ kiel donaco reklama al nia lingvo kaj nia movado. (Por kunlabori kun tiu projekto kiel tradukanto aŭ leganto de la dublaĵo bv. rete kontakti <esperanto@edistudio.it>).

Claudio Imbrenda

ekstere, kiam la vikipediistoj vokis al kunsido. Ziko van Dijk prezentis la novan Vikipedio-informilon, kiun ĉiu kongresano havis en la kongressako, kaj Yves Nevelsteen prelegis pri Vikipedio ĝenerale, kun multe da praktikaj ekzemploj. Pavla Dvořáková anoncis KAEST-seminarion kun Vikipedio-sesio; helpis ankaŭ Beatrice Allée. Pro la grandega interesiĝo, plia kunveno pri Vikipedio okazos en vendredo.

• **Dua Vivo.** La interreta virtualejo Dua Vivo (DV) perdis sian misteron por la ĉ. 50 partoprenantoj (el pli ol 100 interesitoj), kiuj sukcesis eniri la salonon. Prezentata de Anna Löwenstein kaj Beatrice Allée, en la ĉeesto de Bent Holm-Laursen (la kreinto de Esperanto-lando en DV) la ĉeestantoj lernis, ke DV estas ne nur ludilo por frenezuloj, sed ĉefe novtempa komunikilo, tute senpaga por la uzantoj. Per Skajpo ili vidis kaj aŭdis la trian gvidanton, Emilio Cid el Brazilo, kiu rakontis siajn spertojn pri DV kaj ties gravecon por Esperanto-lernado ĉe esperantistoj izolitaj dise en la mondo. Post realtempa vizito de la klasĉambro en Esperanto-lando, la ĉeestantoj vizitis aliajn Esperanto-centrojn en DV, vidis kiel eblas uzi tian teknikon por varbi por Esperanto, kaj renkontis rolfigurojn de esperantistoj el Pollando, Japanio kaj Francio. Filmetoj realigitaj en DV montris al la ĉeestantoj la eblon uzi tiun novan komunikilon por babilado, prelegoj kaj eĉ kongresoj. Tiurilate, prelegemuloj bv. kontakti Anna (KN 896) aŭ Bea (KN 870) por anonci sin. Finis la prezenton la kreado de nova rolfiguro kaj klarigoj pri la elŝuto de la programo ĉe secondlife.com; evidentiĝis, ke tio eblas eĉ sen spertoj pri komputiloj.

Eblos informiĝi pri la uzo de DV por instruado dum la metiejo de edukado.net, ĵaŭdon je la 11hoo.

• **Nia ne-oficiala historio.** Inter la lastaj eroj de la Kleriga Lundo estis malpeza interŝanĝo de memoroj pri malnovaj tempoj, fare de personoj kiuj foje nomis sin veteranoj kaj foje dinosaŭroj. Michela Lipari kunordigis la parolantojn, kio necesis, kiam pluraj komencis rakonti siajn fruajn memorojn el infanaĝo aŭ juna aĝo. Ni aŭdis memorojn pri la kongresoj komence de la 1950-aj jaroj, pri la unuaj infankongresoj, pri TEJO-kongresoj de la 1960-aj jaroj, kaj pri partopreno en aranĝoj de aliaj kongresoj kaj kunvenoj en la 1980-aj jaroj. Ni aŭdis memorojn pri la kabaredo de Raymond Schwarz "Tri koboldoj", kaj poste pri la revolucia ago ne kunkanti la Himnon en 1968, dum la jaro de studentaj revolucioj.

*Vortoj por Olimpikoj* en Esperanto, la ĉina, angla kaj franca lingvoj estas eldonita de Ĉina Esperanto-Ligo. La libro estas bazita sur la Sportista Manlibro de la Vintraj Olimpikoj de 1988 en Kalgario, Kanado. Surbaze de la Manlibro, ni aldonis novajn Olimpikajn vortojn, utilajn informojn, tagordojn de la Pekinaj Olimpikoj kaj mapojn de sportejoj. La libro estas aĉetebla ĉe la libroservo kontraŭ 12 eŭroj.




# Kunvenaj raportoj

**Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo (IKEF).** Dimanĉo, la 20-a de julio, 26 personoj ĉeestis la ĝeneralan kunvenon de IKEF, dum kiu oni aprobis la jarraporton pri 2007 kaj unuanime reelektis la neĉeestantajn estraranojn Kurz kaj Wang. La kotizoj estis adaptitaj, pro la ne tre vigla funkciado de la asocio dum la pasintaj jaroj kaj pro la kurz-evoluo eŭro–dolaro. Sekvis diskuto pri la nova, perreta membro-administrado, kiu ne kontentigas ĉiujn; kelkaj detaloj estas plibonigendaj. Cetere, la adreso www.ikef.org post plurmonata interrompo denove funkcias.

Fine oni diskutis la mankon de aktivaj membroj kaj de estraranoj, el kio sekvas manko de konkretaj realigoj. Estis kelkaj proponoj rilate al terminologio, sed ankaŭ tiurilate homfortoj mankas. Malgraŭ la malfavoraj cirkonstancoj, neniu emas malfondi la asocion.

**La Subkomitato pri Financoj** kunsidis lunde posttagmeze sub la gvido de Helen Fantom kaj kun ĉeesto de la estrarano pri financoj, Loes Demmendaal. Ĝi diskutis pri la kotizoj 2009, pri la estrara propono pri buĝeto de la ĝeneralaj spezoj, kaj pri buĝeto de la fondaĵoj. Ankaŭ diskuto pri la membronombro okazis, kune kun sugestoj pri varbado de individuaj membroj, kaj kune kun graveco de membroj de Societo Zamenhof, kiuj subtenas la movadon per kromaj kotizoj. La subkomitato faros raporton pri siaj rekomendoj al la vendreda kunsido de la Komitato de UEA.

**La Subkomitato pri Landa kaj Regiona Agado** kunsidis marde sub la gvido de Tomasz Chmielik, kaj kun ĉeesto de la estrarano pri landa kaj regiona agado Hori Yasuo. Ĝi diskutis pri la raportado pri landaj agadoj en la estrara raporto, kie kutime sukcesoj aperas sed ne la problemoj, kaj krome la raportado tre dependas de la rutinoj de raportado en la diversaj landaj asocioj. Elirante el prezento pri bezono de plia kunlaboro en Afriko, la diskuto temis pri ebloj de kunlaboro ankaŭ ene de ĉiuj landaj asocioj kaj inter ili.

La tempo por la kunsido estis tro mallonga, kaj la Internacia Koruso havis promeson uzi la ejon tuj poste, kion ne ĉiuj sciis. La koruso uzis tre plaĉan manieron premi sian deziron eniri la lokalon per kanto, starante ronde ekster la pordo. Resumo de la diskutoj estos prezentita al la Komitato de UEA vendrede.

**Amerika Agado.** En dimanĉo la kunsido pri Amerika Agado okazis en la salono Teo Jung, kun la ĉeesto de 60 partoprenantoj. Dum duonhora prezento la Amerika Komisiono raportis pri sia unujara agado kaj aparte pri diversaj projektoj regionaj, nome trejnseminario por aktivuloj okazonta en Meksiko venontjare, pri renovigado de la retpaĝaro ĉe Ameriko.org, pri estonta Amerika Oficejo, pro la ĵus okazinta TutAmerika Kongreso en Kanado kaj aliaj temoj. Oni pridiskutis bezonojn kaj prioritatojn de la regiona agado kaj aŭdis raportojn pri Salvadoro, Meksiko, Kubo kaj Brazilo. La kunsidon gvidis komisionanoj Atilio Orellana Rojas, Martin Schaffer kaj Maritza Gutiérrez Gonzáles.

# Notu bone!

### Programŝanĝoj

- **Aŭtoraj duonhoroj**

Aldono: Christian Rivière, ĵaŭdo 24 julio, 10h30-11h00. Ŝanĝo: Ed Borsboom, ĵaŭdo 24 de julio 15h00-15h30 (anstataŭ vendredo 11h00-11h30).

### Novaj programeroj

- Bona Espero invitas vin informiĝi pri ĝiaj lastaj projektoj en Brazilo, venu marde inter la 15-a kaj 16-a horo apud la elefanta fontano en la granda halo.

- Ni pripensu kolektive niajn UK-ojn! Vendredon je la 11-a horo en salono Wensing oni povos spekti mallongan filmon pri antaŭaj UK-oj kaj diskuti kolektive pri kiel fari la UK-ojn eĉ pli interesaj kaj efikaj por la celoj de nia movado.

### Aldonaj informoj

- Ĉe la kunveno de bahaanoj, mardo 22 julio, 15h45 en salono Wensing, okazos prelego de Bernhard Westerhoff pri "Unu Dio – multaj religioj".

- Libera Podio 2, mardo 22 julio, 16h00-16h45 en salono Teo Jung. "Lasu la negocon al la nederlandanoj!" Historia, sprita kaj informplena prelego (kun muziko). Kees Ruig, eksa internacia komercisto, direktoro de Komerca Ĉambro, stiristo de markomercaj ŝipoj, per anekdotoj kaj historie veraj rakontoj "klarigos" la ekonomian kaj kulturan riĉecon de komercantaj nederlandanoj.







*Vi estas invitita....*
*kaj NEPRE VENU!*

*Prezentos ni unu el la plej unikaj artaĵoj en Esperanto:*

*La amuzan, spritan, petoleman, ŝercplenan, aŭdacan, kaj spektindan filmon (ankaŭ utilan),*

**PASPORTO AL LA TUTA MONDO**

**Vendredon, la 25-an de julio, 13h00**
**Salono Lapenna**

Do, faru noton en vian Kongresan Libron.
**Speciala evento:** La fama filozofo Georgo Bonvolo parolos pri sia sperto kiel aktoro en la filmo!

# Piero Nissim en koncerto

Marde je la 10h00 en salono Hodler la itala kantisto kaj pupisto Piero Nissim prezentos sian koncerton de jidaj kantoj en Esperanto.



# Plua Junulara Programo

- **Mardo 22-a de Julio**

19h00–22h00: Filmoj, Junulara Centro De Heuvel.

- **Merkredo 23-a de Julio**

10h45 ĝis maks. 0h00: Ekskurso al Delft, Hago kaj la maro en Scheveningen (preciza programo laŭ la vetero). Kosto: maks. € 8,50 (laŭ kvanto de partoprenantoj).

- **Ĵaŭdo 24-a de Julio**

12h00–16h00: Gvidata biciklado tra Roterdamo. Kolektiĝo ĉe stacidomo. Kosto: € 6,00.
19h00–22h00: Filmoj, Junulara Centro De Heuvel.




# Via Kongresa Kuriero

### *Jubileanto* en la UK

La artikolojn por *Jubileanto*, la ĉi-jara Kongresa Kuriero, vi povas lasi en la kongresejo en ĉambro Vermaas aŭ ĉe la tablo "Informoj", aŭ sendi ilin rete al <kuriero@co.uea.org>.

### *Jubileanto* en reto

La progreson de la 93-a UK eblas sekvi per la Kongresa Kuriero, kiu ĉi-foje nomiĝas *Jubileanto*, inspirite de la centjariĝo de UEA. La numeroj de *Jubileanto* estas legeblaj kaj elŝuteblaj ĉe la adreso:

**http://uk08.lafontano.net/informilo.php**

### Dankon de retanoj

Karaj Redaktoroj de *Jubileanto*,

Koran dankon pro tre interesa Kongresa Kuriero. Dank' al via malfacila laboro mi ankaŭ "partoprenas" en Esperanta kongreso hejme en Pollando. Mi tre volis esti en Roterdamo, sed bedaŭrinde ĉi-jare ne sukcesis. Mi sendas al ĉiuj kongresanoj multajn salutojn el Pollando kaj deziras fruktodonajn debatojn.

Ewelina Urbańska, Pollando

# Novaj aliĝintoj

| | | |
|---|---|---|
| 1760 | voja-v | Inĝ. Josef Vojáček, Poříčí 25, CZ-639 00 Brno, Ĉeĥio |
| 1761 | stma-a | S-ro Stano Marček, Zvolenská 15, SK-036 01 Martin, Slovakio |
| 1762 | bawo-h | S-ino Barbara Schwarz, Finsterwalder Str. 7, DE-01239 Dresden, Germanio |
| 1763 | wwar-y | D-ro Wolfgang M. Schwarz, Finsterwalder Str. 7, DE-01239 Dresden, Germanio |
| 1764 | frmo-o | S-ino Montserrat Franquesa Godia, Diputació 481-2-1, ES-08013 Barcelona, Hispanio |
| 1765 | gesj-a | S-ro Joaquim Gestí Bautista, C/. Diputació 481-2º-1ª, ES-08013 Barcelona, Hispanio |
| 1766 | tnma-q | S-ro Tanaka Masamiĉi, p/a Oomoto Ten'on-kyo, Kameoka-si, Kyoto-hu, 621-8686, Japanio |
| 1767 | plmm-w | S-ino Palmira Milašienė, Minijos 130-6, LT-93244 Klaipėda, Litovio |
| 1768 | jebu-h | S-ino Jenny Butter-Windt, Pieter Lastmankade 50, Amsterdam, Nederlando |
| 1769 | gord-e | S-ro Volodomir Hordijenko, p.k. 35, 01133 Kijiv, Ukrainio |
| 1770 | | S-ro Philippe Gallais, 57 rue Arc de Triomphe, Saintes, Francio |
| 1771 | jmue-n | S-ro Johannes Mueller, Sprebenwäldchen 5, Saarbrücken, Germanio |
| 1772 | | S-ro Stephen Lyons, 77 Lord Street, Grimsoy, North East Lincolnshire, Britio |
| 1773 | | S-ino Satou Kumi, 3775-11 Shimookamoto, Utsunomiya, Tochigi, Japanio |
| 1774 | jouc-r | S-ro Claude Jourde, Immeuble Forum 26, 3 Place du 8 Mai 1945, 52100 St. Dizier, Francio |
| 1775 | | S-ino Chloe Jourde, Immeuble Forum 26, 3 Place du 8 Mai 1945, 52100 St. Dizier, Francio |
| 1776 | | S-ino Lucette Jourde, Immeuble Forum 26, 3 Place du 8 Mai 1945, 52100 St. Dizier, Francio |
| 1777 | | S-ro Ivan Dimitrov, Yambel, Bulgario |
| 1778 | jhjz-t | S-ro Jesús de las Heras, Ap. 4461, 30080 Murcia, Hispanio |
| 1779 | | S-ro Jesús Pérez Caballero, str. d-ro Zamehof 19, 9203 Barcelona, Hispanio |
| 1780 | asdv-w | S-ro Arjen Sjoerd de Vries, H. Diesveldsingel 182, 1060 RL Amsterdam, Nederlando |
| 1781 | frdl-n | S-ino Lucie Friedly, G. Bernex-en-Combes 28, 1233 Bernex, Svislando |
| 1782 | | S-ino Rubia Oliveira, Sqn 416 BC M, ap 202, Brazilo |
| 1783 | | S-ro Francisco Barbosa Filho, Rua Monsenhor Catao, 948 – apto 601, Fortaleza, Brazilo |
| 1784 | | S-ro Paolo Scotti, Viale di Villa Pamphili 37, 00152 Roma, Italio |
| 1785 | vrhg-q | S-ino Marijke Verhage, Heussensstr. 84, 2023 JS Haarlem, Nederlando |
| 1786 | | S-ro Fabian Kemps Verhage, Heussensstr. 84, 2023 JS Haarlem, Nederlando |
| 1787 | vdvz-l | S-ro Eran Vodevoz, 2/6 David-Jelin-str., 62964 Tel-Aviv, Israelo |
| 1788 | tyuv-c | S-ro Tom Juval, 1 Rabi-Binjamin-str., 96306 Jerusalem, Israelo |
| 1789 | tejh-u | S-ino Trees Huffener, Ooststr. 47, 2584 XC Den Haag, Nederlando |
| 1790 | rgha-j | S-ro Roel Haveman, Oostveenweg 15, 7533 VP Enschede, Nederlando |
| 1791 | mwmo-l | S-ino Marwine van der Molen, Oostveenweg 15, 7533 VP Enschede, Nederlando |
| 1792 | mhav-r | S-ro Machiel Haveman, Oostveenweg 15, 7533 VP Enschede, Nederlando |
| 1793 | | S-ro Joost Haveman, Oostveenweg 15, 7533 VP Enschede, Nederlando |
| 1794 | maaw-h | S-ro Maarten Warffemins, Roland Holslaan 1132, 2624 JT Delft, Nederlando |
| 1795 | kara-b | S-ino Karine Arakeljan, Khandjian 33-4, 375010 Erevan, Armenio |
| 1796 | sime-n | S-ro Francisko Simonnet, 21 rue de la Grève, 89320 Theil sur Vanne, Francio |
| 1797 | | S-ro Leston Buell, Nederlando |
| 1799 | iwns-v | S-ino Iwona Sadura, ul. 11 Listopada 12, 28-400 Pinczów, Pollando |
| 1800 | ehsy-y | S-ino Elisabeth Stanley, Frome House Frome Gardens, GL5 4LE Stroud, Glos., Britio |
| 1801 | mvka-o | S-ro Martien van Kasteren, Schoenerstr. 22, 1826 CH Alkmaar, Nederlando |
| 1802 | bdba-w | S-ro Bernard Behra, 1 chemin de la Transhumance, 68290 Masevaux, Francio |
| 1803 | | S-ro Pawel Markiewicz, ul. Podlesna 29-A, 80-255 Gdańsk, Pollando |
| 1804 | | S-ro Rafal Markiewicz, ul. Podlesna 29-A, 80-255 Gdańsk, Pollando |
| 1805 | | S-ino Agata Markiewicz, ul. Podlesna 29-A, 80-255 Gdańsk, Pollando |
| 1806 | | S-ro Mariosz Komoszewski, Kanta 26/5, 10-691 Olsztyn, Pollando |
| 1807 | hvlo-c | S-ro Hans van Loggerenberg, Gagelplein 18, 2563 TT Den Haag, Nederlando |
| 1808 | fogi-z | S-ro Giovanni Forelli, Villaggio Madonna D'Ardua 60, 12013 Chiusa di Pesio, Italio |
| 1809 | | S-ro Jaroslav Lych, ul. Aleksandrova 30/3-1, 183040 Murmansk, Rusio |
| 1810 | banj-q | S-ino Janina Bańkowska, Młyńska 27-A, 89-400 Sępólno, Pollando |
| 1811 | msaa-l | S-ro Markku Saastamoinen, Siukolantie 9 H 12, 33470 Ylöjärvi, Finnlando |
| 1812 | sska-l | S-ino Kaisa Annikki Saastamoinen, Sarpatintie 12 P 111, 37100 Nokia, Finnlando |
| 1813 | iskr-y | S-ino Iskra Kopcheva, ul. Karlovo N.6 ap.9, 5800 Pleven, Bulgario |
| 1814 | jtrr-r | S-ro Juan Antonio Torres Galán, c/ Virgen de Valvanera, 19,41018 Sevilla, Hispanio |
| 1815 | rdke-m | S-ro Rob Keetlaer, Leemkuilen 273, 5683 BZ Best, Nederlando |
| 1816 | | S-ino Ludwika Kubik, ul. Ruchu Opomi 24/8, 44-335 Jastrzębie Zdrój, Pollando |
| 1817 | nald-e | S-ro Donald Gasper, GPO Box 5985, Xianggang, Ĉinio |
| 1818 | mewe-x | S-ro Edgar Werner Müller, Römerstr. 143, 66540 Wiebelskirchen, Germanio |
| 1819 | mupi-j | D-rino Pierrette Anne Müller, Römerstr. 143, 66540 Wiebelskirchen, Germanio |
| 1820 | rbin-h | S-ino Françoise Roubin, 12 rue du Foyer Manceau, 72000 Le Mans, Francio |
| 1821 | mnbm-o | S-ino Marianne Buchholz-Maurer, Kuchenheimer Str. 152, 53881 Euskirchen, Germanio |
| 1822 | oleb-h | S-ro Ole Blaust, Ny Kongensgade 18, 1557 København V, Danio |
| 1823 | | S-ino Zita Garbaraviciene, Ny Kongensgade 18, 1557 København V, Danio |
| 1824 | jdba-g | S-ro Jeroen Balkenende, Didopad 9, 3813 BT Amersfoort, Nederlando |
| 1825 | dfbh-d | S-ro Danny ten Haaf, Aquarius 22, 9405 RC Assen, Nederlando |
| 1826 | hupp-k | S-ro W. F. Huppertz, Nederlando |
| 1827 | baem-l | S-ino B. A. E. M. Meulendijks, Nederlando |
| 1828 | | S-ro Sander van Huijzen, Berg en Dalseweg 259, 6522 CG Nijmegen, Nederlando |
| 1829 | | S-ino Janny Dantuma, Berg en Dalseweg 259, 6522 CG Nijmegen, Nederlando |
| 1830 | rhoe-k | S-ino Rineke Hoens, Oosterhof 6, 6715 LG Ede, Nederlando |
| 1831 | | S-ino Juliette Stout, Reigerlaan, 6741 DC Lunteren, Nederlando |
| 1832 | lrun-b | S-ino Luisa Rund, Herbert-Baum-Str. 11, 13088 Berlin, Germanio |
| 1833 | sada-p | S-ro Daniel Salomon, Sigerstedsgade 11 4tv, 1729 København V, Danio |
| 1834 | | S-ino Elisabeth Platz, Konrad-Schwarz-Str. 6, 34305 Niedenstein, Germanio |
| 1835 | | S-ino Katharina Platz, Konrad-Schwarz-Str. 6, 34305 Niedenstein, Germanio |
| 1836 | rndo-m | S-ro Rinaldo Gallindo, R. Cel. Agostinho 113 - Sala 302, Campo Grande, 23050-360 Rio de Janeiro - RJ, Brazilo |
| 1837 | | Carrie Lozano, Usono |
| 1838 | | Andy Black, Usono |
| 1839 | | Sam Green, Usono |
| 1840 | | S-ino Martyna Zaniewska, Bialystok, Pollando |
| 1841 | | S-ro Aleksander Sosna, Waszyngtona 14-B, Bialystok, Pollando |

ROTERDAMO

# Jubileanto

N-ro 4
ĵaŭdo, 24-a de julio
redakciejo: ĉambro Vermaas
retpoŝto: kuriero@co.uea.org

Kongresa Kuriero de la 93-a Universala Kongreso de Esperanto, Roterdamo 2008

## La estonteco senĉese rekomenciĝas: TEJO sin prezentas

Marde vespere la kongresanoj interesitaj en la aktivecoj de nia junulara asocio TEJO – Tutmonda Esperantista Junulara Organizo – ĉeestis la prezenton de ĝia prezidanto Gregor Hinker (apude) kaj de la TEJO-volontulino Julia Noe. Ili informis la multnombrajn ĉeestantojn pri la pasinteco, nuno kaj estonto de la junulara sekcio de UEA, kies ĉefa defio estas adaptiĝi al la ŝanĝiĝanta rilato de individuoj al asocioj – defio kiun oni alfrontas per la kreiva potencialo tipa ĉe gejunuloj.

Marek Blahuš, prezidanto de la Ĉeĥa Esperanto-Junularo, informis pri la planoj por la venontjara IJK en Liberec, kaj Francesco Maurelli el Italujo raportis pri la preparoj de la Semajno de Kulturo Internacia okazonta en septembro 2008 (vidu kadron ĉi-apude).

Pliaj informoj pri TEJO haveblas en la TEJO-budo en la kongresa halo.



### La ekspozicio pri UEA 100-jara en la Centra Oficejo



foto de Kim Cheol-sik (KN 1340)

### Gejunuloj serĉataj por senpage ferii kaj paroli al lernejoj en Esperanto

Ne ofte ses urbestroj petas kunorganizi Esperantan aranĝon, sed tio ĵus okazos: apud Pisa, en centra Italujo, de la 18-a gis la 25-a de septembro okazos la 1-a SKI, t.e. Sejmajno de Kulturo Internacia.

La urbestro de San Giuliano Terme invitas dudek kvin junajn esperantistojn, ĉefe el eŭropaj landoj, restadi dum tuta semajno kaj tiam viziti la lernejojn de tiuregionaj komunumoj, por prezenti la kulturon de sia lando pere de Esperanto, tiel do ankaŭ reklamante tre vigle kaj konkrete nian internacian lingvon. Posttagmeze okazos renkontiĝoj kun lokaj junularaj organizaĵoj, kaj vespere spektakloj en Esperanto de italaj artistoj. Dimanĉe okazos tuttaga ekskurso. Ĉiuj surlokaj kostoj estos pagataj rekte de la invitanta komunumo.

Informoj troviĝas ĉe http://ski.esperantoitalia.it, kie interesitoj trovos ankaŭ formularon por sinkandidatigo. La partoprenantoj estos elektitaj por certigi fluan konon de Esperanto, laŭeble diversecon de la devenaj landoj de partoprenantoj, kaj interesan enhavon de la artaj prezentoj. Venis ĝis nun nemultaj kandidatiĝoj, tiel ke plimulto de la lokoj estas ankoraŭ disponeblaj. Necesas tamen maksimume baldaŭ sin prezenti – denove, per iro al la supre menciita TTT-ejo kaj plenigo de la tiea demandaro.

# Kunvenaj raportoj

**Ligo de Samseksamaj Geesperantistoj** kunvenis dimanĉon en salono Wensing je 15h00. Kvindek geesperantistoj ĉeestis. Post saluto de eksprezidanto d-ro Wells, salutoj al bedaŭrinde ne ĉeestantaj estraranoj, kaj anoncoj pri du dumkongresaj ekskursoj al loka organizaĵo kaj al Amsterdamo kaj Haarlem dum la ekskursa tago, la kunveno elektis novan prezidanton, Francis Soghomanjan, kaj reelektis sekretarion/kasiston Rolf Köhler kaj du novajn estraranojn sen postenoj, Harry Barron kaj Arnold Victor. Post diskuto pli plibonigo de bultena servo kaj omaĝo al forpasintaj membroj, ok membroj realiĝis.

Krome, la 21-an de julio vespere 34 LSG-anoj venis al la loka COC-sekcio ĉe Schiedamsesingel en Roterdamo. Tri lokaj estraranoj de COC akceptis la kongresanojn kaj supre oni montris projekciaĵon kun informoj kaj demandoj pri la situacio de samseksamuloj en Nederlando.

**Amikoj de Bruno Gröning** prezentis prelegon "Saniĝo per spiritaj fortoj laŭ la instruo de Bruno Gröning", en kiu estis klarigite, kiel oni povas mem akcepti la spiritan sanigoforton. Krome medicina kuracisto prezentis dokumentojn pri malsanoj ne-sanigeblaj laŭ la klasika medicino: unue ostoporozo, due malbona aŭdkapablo ekde la infana aĝo. Detlef Meier raportis, kiel li evitis helpe de la instruo de Bruno Gröning la pensiuliĝon en aĝo de 32 jaroj pro fortaj perturboj de la manĝokutimo kaj depresioj. La lasta prelego de Amikaro Bruno Gröning estos en ĵaŭdo je 16h30 en salono Faulhaber.

**KAEM, Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado,** kunvenis mardon je 12h30 kun ĉeesto de 50 partoprenantoj sub prezido de prezidanto Lee Jung-Kee. Estis perbilda raporto de nuna azia movado, kaj la reprezentantoj de aziaj landoj prezentis siajn aktivecojn. F-ino Amano Yayoi raportis la aranĝon por la 28-a Komuna Seminario inter ĉina, korea kaj japana junularoj en Jokohamo, Japanio en decembro 2008.

**Kvizo.** "Virina lango… buĉas sen sango". Marian Zdankowski uzis i.a. la Zamenhofan proverbaron por dialogi kun la publiko, gvidante lerte kaj bonhumore la kvizon. Dume pli seriozajn demandojn skribe respondis la pli frue selektitaj konkursanto. Per sinsekva forigo de personoj, fine venkis Christian Lavarenne. La duan premion gajnis Aleks Kadar kaj la trian Garik Kokolja. Sume en la kvizo partoprenis kelkdeko da personoj, kaj ĉiu el ili ricevis donaceton pro trafa respondo. La donacojn liveris Marian Zdankowski mem, helpate de Jadwiga Wasiuk kaj Edvard Kozyra. "Bela kaj saĝa programero", diris Giti Ferdosnia el Irano.

**UMEA, Universala Medicina Esperanto-Asocio,** kunvenis mardon en salono Teo Jun kun 40 gekolegoj el 20 landoj sub gvido de d-ro Imre Ferenczy, prezidanto de UMEA, kiu raportis pri la okazinta 16-a Internacia Medicinista E-Kongreso en Krakovo kun 87 partoprenantoj el 10 landoj. Krome li skizis la historion de UMEA, kiu ĉi-jare festas sian centjaran jubileon. Sekvis vigla diskuto. D-ro Vergara, estrarano de UEA, salutis la ĉeestantojn kaj instigis por kunlaboro kun aliaj fakaj organizaĵoj.

**TEVA, Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio**, kiu ĉi-jare centjariĝas, kunvenis en mardo kun ĉeesto de 38 homoj el 17 landoj. Post bonvenigo, la nova estraro prezentis sin: Christopher Fettes, prezidanto; Heidi Goes, sekretario; kaj Francesco Maurelli, vicprezidanto. La alia vicprezidanto, Jozefo Nemeth, kiu estas ankaŭ la nova redaktoro de la bulteno *Esperantista Vegetarano*, bedaŭrinde malĉeestis. Oni multe dankis kaj laŭdis la antaŭan ĝeneralan sekretarion, Lila Fabretto, kiu laboregis dum pli ol dudek jaroj. Grava anonco estis ke venontsemajne en Dresdeno, dum la centjara kongreso de *International Vegetarian Union*, okazos du prelegoj pri Esperanto kaj ankaŭ Esperanto-kurso. La estraranoj instigis la ĉeestantojn al kunlaboro por la retejo www.ivu.org/teva kaj al agado, ekz. ĉe-esti neesperantistajn vegetaranajn aranĝojn kie eblas propagandi Esperanton.

**IFEF, Internacia Fervojista Esperanto-Federacio,** kunvenis lunde en salono Piron kun ĉeesto de 50 personoj el 12 landoj. La kunsidon gvidis Istán Gulyás, vicprezidanto de IFEF, kiu raportis pri la 60-a IFEF-kongreso pasintmaje, kaj parolis pri la loko kaj rolo de IFEF en la Esperanto-movado. La raportojn sekvis vigla diskuto pri la manko de gejunuloj en la faka movado, pri la venontjara centjariĝo de la federacio, kaj pri la farita agado. UMEA-prezidanto Imre Ferenczy salutis la ĉeestantojn kaj parolis pri la rezultoplena kunlaboro inter la du organizaĵoj. Peter Todorov, prezidanto de Bulgara Esperanto-Asocio, donis valorajn konsilojn por flua sukcesa laboro. Laŭ la opinioj de la ĉeestantaj gekolegoj oni devas labori ankaŭ en la estonteco por membrigi gejunulojn al la movado, kunlabori kun aliaj fakaj asocioj, kaj propagandi Esperanton inter neesperantistaj fakuloj.

**Esperantista Kat-amikaro.** "Dum vi ĝuas la kongreson, kie estas via kato?" – sonis tra plena salono la ekiga demando de la ĉi-jara kunsido de Rondo "Kato". Efektive, dum feri-tempo kaj vojaĝoj ĝenerale ĝojigas la homojn, ne okazas same ĉe iliaj hejmbestoj, kiuj ofte restas solaj kaj, en multaj kazoj, estas eĉ forpelitaj straten. Sed feliĉe tiu ne estas la kazo de la esperantistaj katemuloj, kiuj dum la kunveno konsideris diversajn alternativojn, de specialaj gastigejoj ĝis kunvojaĝigo. La plej originala propono venis de germano, membro de organizita rondo de najbaroj rotaciantaj por zorgi pri katoj dum la foresto de iliaj posedantoj. La plej amuza respondo venis de hispanino, kiu simple "lasas ankaŭ la edzon hejme".

Salutoj de forestanta prezidantino Marjorie Boulton ve-miaŭigis la sopirantan ceestantaron, kiu akceptis salutojn ankaŭ de la fidela Jeannette Sidorak el Pollando, unu el kies tradukitaj artikoloj (verkita de profesia kat-ĵurnalistino Maryla Weiss), fermis la diskuton.

## Jido kun gitaro – emocio ĉiama

Koni kaj kompreni la jidan kulturon por pli bone kompreni nian propran eŭropan kulturon estas unu el la mesaĝoj kiujn oni sentas aŭskultante la kortuŝajn notojn de la gitaro de Piero Nissim kaj lian foje sufloran, foje tranĉan voĉon, kiuj kapablas skui ĉiujn angulojn de niaj korpoj kaj plejmulton de tiuj de niaj animoj.

Ni povis aŭskulti dekduon da kantoj prezentitaj de Bruĉjo Kasini, unu el la kulturaj vigligantoj de nia movado, kaj eldonisto de la KD-oj de Piero Nissim, kantoj kiujn ĉiu jido retrovos tra siaj infanaj memoroj; pluraj el ili cetere estas konataj ankaŭ de la nejuda publiko, ekzemple ĉar kantistoj kiel Joan Baez kaj Angelo Branduardi faris de ili propran version.

Kantoj emociaj, de la pri-ABCa instruo de rabeno, tra la kvizŝercoj de amindumanta paro, al la ĝojo de rabeno Elimeleĥ post sia templa laboro, por fine trarigardi la malhoman tragedion de la koncentrejoj kaj de la posta rifuĝo al Palestino de la nemultaj pretervivintoj, rifuĝo kiun Ĝorĝo Nissim, patro de Piero, kontribuis per luado de ŝipoj celantaj ilin transporti ĝis la promesita lando.

La varme aplaŭdata koncerto finiĝis per donaco de Piero Nissim al nia publiko, de kvar novaj kantoj ankoraŭ ne publikigitaj kaj de kiuj li estas la aŭtoro, kaj de la versoj kaj de la muziko. Piero montriĝis esti entuziasma komencanto de nia lingvo, sed fajna profesiulo de emocioj kaj de transdono de ili.

Claudio Imbrenda

## De spirite al sprite

La E-kongresa kariero de Ĵomart kaj Nataŝa estis nur komenciĝanta kiam mi lastfoje ĉeestis Universalan Kongreson. Ekde tiam mi pli kaj pli aŭdis pri tiu ĉi paro, ĉiam bone, ĉiam kun belaj fotoj pri ili (kaj lastatempe ankaŭ pri Carina, ilia ĉarma filino)… sed neniam havis la ŝancon efektive vidi tiujn ĉi homojn kaj aŭskulti ilin koncerti, ĝis ĉi-mardon vespere – kaj jen ŝanco kiun mi nepre ne volis maltrafi. Mi iris saluti ilin antaŭ ol ili komencis, esprimante mian ĝojon pri la finfine veninta okazo, kaj tiam iris preni sidlokon, kiu feliĉe ankoraŭ disponeblis. (Mi tre dubas, cetere, ke UEA iam denove aranĝos UK-on en loko kun nesufiĉaj sidlokoj en la ĉefsalono; kaj mi tre certas, ke granda plimulto de la ĉi-jaraj kongresanoj tutkore *esperas* ke tio ne denove okazos.)

Estis strange prokrasto de la koncerta komenco, parte ĉar la kutima sonkontrolo ne estis farita pli frue en la tago, kaj parte ĉar obstinis ia teknika problemo rilate la gitaran amplifadon. La aparta strangeco kuŝis en tio, ke tio kion oni aŭdis dum la ŝajne longdaŭra preparado, t.e. la milda muzikado de la pacienca familia triopo, estis sorĉe bela en si mem. Oni apenaŭ rimarkis, do, la finan transiron de kontrolo al koncerto.

Kaj mi povas nun diri, ke miaj pozitivaj atendoj estis neniel trompitaj. La artistoj aparte zorgis ke iliaj voĉoj estu bone aŭdeblaj – io kion la rokenroluloj kutime terure neglektas – kaj rezulte la kantotekstoj estis bone kompreneblaj, eĉ je unua aŭdo.

Mi mem ne troege atentis la tekstojn tra multo de la koncerto, tamen, pro du kialoj. Unue, mi estis daŭre tiel kaptata de la pura beleco de la muziko kaj de la perfektaj harmonioj, ke – kiel la mondfamaj Beatles iam diris – la vortoj ne plu vere gravis. Sed due – kaj nur tion mi prezentas kiel ajnan kritikon pri la prezento – Ĵomart tiel uzis sian voĉon kiel dolĉan muzik-instrumenton, ke daŭre estis rimarkebla kontrasto inter la klareco de la vortoj kantataj de Nataŝa kaj tiuj kantataj de ŝia edzo. Mi daŭre volis ke ili interŝanĝu mikrofonojn, tiel ke mi povu certi ke ne estis pro teknika kialo, ke la respektivaj klarecoj de iliaj voĉoj tiel senteble malsimilis. Mi emis iel filtri la voĉon de Ĵomart, por igi ĝin same klara kiel tiu de lia edzino – sen voli per tio fuŝi ĝian belecon, kompreneble.

La voĉo kaj kantado de Carina, mi kredeble devus diri, estis ĉiel perfekta, kaj mi neniel emis iel ŝanĝi ĝin.

La efekto de la tuta prezento, ĉiuokaze (kiu estis nur duono de la longo kiun ili planis por ĝi – jen io alia espereble evitota en estontaj kongresoj), estis kalmigi min meze de tiu ĉi foje prema semajno, kaj doni la senton ke mi poste iros hejmen spirite trankviligita kaj pli bone dormos ol iam antaŭe… sed ne!



Tiam venis JoMo al la podio kaj turnis la vesperon en tute alian direkton. Per vigla ludado, multkultura repertuaro kaj senĉesa komikado (aparte pri "la fajristoj" kaj ties perceptata konstanta minaco al la kongresaj eventoj – ekzemple, improvize prezentante la kanton "Ĉu vi volas sidi?" anstataŭ la kutima "Ĉu vi volas danci?"), li gajigis la plenplenan salonon, suplementante la pli fruan trankvilon de la vespero per plibonigita humoro – alia afero treege havinda.

Roy McCoy

# Notu bone!

## Novaj programeroj



• **Koncerto.** La litova flutistino Lidija Gomolickaitė-Grudzinskaitė koncertos en vendredo je la 10hoo en salono Lapenna.

La antaŭe anoncita koncerto de Gianfranco Molle estas nuligita.

• **Rondo UKn pripensi.** En vendredo ekde 11hoo ĝis 11h45 okazos dua kunsido en salono Wensing (anstataŭas IKU-prelegon de John Wells).

• **Pasporto al la tuta mondo.** En vendredo je 13hoo en salono Lapenna oni prezentos tiun ĉi amuzan, spritan, petoleman, ŝercplenan, aŭdacan kaj spektaklan E-instruan filmon.

## Malnov-holandaj ludoj

• La gajninto de lundo kaj mardo (kune) estas: Lych Jaroslav KN 1809, kiu kolektis entute 763 poentojn. Ni gratulas! Sed kiu gajnos la pokalon en vendredo?

## Programŝanĝo



• **Aŭtoraj duonhoroj.** Aldono: Ĵomart kaj Nataŝa, ĵaŭdo 24 julio, 15h30-16hoo.

## Saluto de Louis-Christophe Zaleski-Zamenhof al la 93-a UK

Sinjoro prezidanto, gesinjoroj honoraj gastoj, estimataj gekongresanoj, karaj geamikoj, alvenintaj el plej diversaj partoj de nia terglobo, por ĝui la ununuran etoson de niaj renkontoj, kaj por festi la centjaran jubileon de la asocio nin unuiganta, de Universala Esperanto-Asocio.

Iam grava krizo de la movado motivis starigon de nia Asocio. Tial ĝi denaske kontraŭ krizoj estas armita. Dum la jarcento de sia ekzisto plurajn krizojn ĝi venkis sukcese; tial, hodiaŭ centjaraĝa, ĝi daŭre juna aperas. Ni honore rememoru la forpasintajn heroojn de ĝia "longa batalado". Permesu ke mi menciu nur la nomojn de kelkaj inter ili: de Hector Hodler, de Edmond Privat, de Harry Holmes, de Ada Fighiera-Sikorska, de Giorgio Canuto, de Ivo Lapenna, de Claude Piron, nomojn sonantajn kiel mejloŝtonoj de la historio de nia movado. Mi salutu ankaŭ la hodiaŭajn pionirojn. Neniun forgesante, mi citu nur kelkajn nomojn, ekzemple tiujn de Humphrey Tonkin, de John Wells, de Claude Nourmont, de Giuseppe kaj Ursula Grattapaglia, de Renato Corsetti, de Amri Wandel, de Michela Lipari aŭ de Raymond Boré. Mi fieras esti ilia amiko.

La Asocio ne funkcius sen la entuziasmo de ĝiaj membroj; ĝi malfunkcius sen la sindonema laboro en ĝia Centra Oficejo; laboro de la teamo de bonkvalitaj oficistoj gvidataj de same sindonema Ĝenerala Direkoro. Mi salutu tiurilate Simo Milojević, ĵus emeritiĝintan, kaj Osmo Buller, la aktualan mastron, ambaŭ amikoj miaj. Krome, mi ne forgesu la meritojn de Stano Marček, la brila redaktoro de nia ĉiumonata ligilo, la revuo *Esperanto*. Fine, ni ĉiuj forte esperas, ke nia Estraro, sub la prezido de Probal Dasgupta, efike daŭrigos la vojon de siaj indaj antaŭuloj, gvidonte la movadon al novaj , rimarkeblaj sukcesoj.

Okazas, ke ni vivas nuntempe en la periodo de sinsekvaj jubileoj. Ĉi-jare ni festas cenjariĝon de la Asocio, lastjare okazis centdudekjara datreveno de la Unua Libro, venontjare ni honorigos en Bjalistoko la centkvindekan datrevenon de la naskiĝo de Zamenhof, avo ne nur mia,sed avo de ĉiuj esperrantistoj! Mi tamen ne estas certa, kioma datreveno okazos rilate al detruo de la Babel-turo. Fakte precizaj datoj mankas tiurilate en la Malnova Testamento. Ni povas nur lerni, legante la ĉapitron dekunuan, ke Dio, por puni la homojn pro ilia sincerteco, konfuzis ilian lingvon, per multego da idiomoj ĝin anstaŭigante.

Ĉu fakte la Dia intenco estis puni la homaron? Ĉu la novaj lingvoj ne estis kreitaj kiel puno sed kiel donaco? Ĝuste hodiaŭ kaj dum la venonta semajno ni debatos ĉi tie pri lingvoj ne kiel pri puno, sed kiel pri trezoro de la homaro! Ĉar sen la lingva diverseco, la multnombro de kulturoj ne povus ekzisti, tiu diverseco estanta riĉeco senkompara de la homaro. La lingva diverseco povas tamen esti danĝera: ĝi kaŭzas malkomprenon inter homoj unuopaj, sed ankaŭ inter popoloj diverslingvaj. Kaj ofte malkompreno kondukas al malamo, kaj malamo inter popoloj povas konduki eĉ al militoj.

Tial, por alporti "sanktan harmonion al la mond' eterne militanta", ni, esperantistoj, ni proponas la "neŭtralan lingvan fundamenton", sur kiu "la popoloj faros en konsento unu grandan rondon familian". Ni insistas, ke tiu lingvo neŭtrala ne celas malaperon de lingvoj naciaj. Tute kontraŭe: ĝi helpas ilian longdaŭrecon, eĉ al lingvoj parolataj de tre malmultnombraj gentoj. Esperanto, lingvo neŭtrala, ne anstataŭas lingvojn naciajn; ĝi devas esti la dua lingvo por ĉiuj. Malsame, iu ajn lingvo nacia, trudante sin kiel internacian, tendencas substituiĝi al aliaj lingvoj naciaj, minacante tiamaniere la daŭrigon de ilia ekzisto. Tiu minaco rilatas sekve al la kulturoj pere de tiuj lingvoj reprezentataj, kreante danĝeron al trezoro de la homaro. Ni, esperantistoj, ni tiun trezoron defendu, respektante la bonfaron de la Babela detruo!

ROTERDAMO

# Jubileanto

N-ro 5
vendredo, 25-a de julio
redakciejo: ĉambro Vermaas
retpoŝto: kuriero@co.uea.org

Kongresa Kuriero de la 93-a Universala Kongreso de Esperanto, Roterdamo 2008

## La flua Esperanto de la vicurbestrino

Pli ol 200 kongresanoj estis invititaj al akcepto ĉe la urbodomo, en ĵaŭdo vespere. La vicurbestro de Rotterdam, s-ino Jantine Kriens, surprizis la gastojn per preskaŭ perfekta parolado tute en Esperanto, en kiu, interalie, ŝi reliefigis kiel en 2009 Rotterdam estos Eŭropa Ĉefurbo por la Junularo, kaj kial en urbo kun etne tiom varia loĝantaro oni forte sentas la lingvan problemon, tiel ke oni havas grandan planon por instruo de lingvoj al lernejaj infanoj. Ŝi finis per promeso lerni Esperanton ĉe sia pensiiĝo, sed plejmulto el la ĉeestantoj forte supozis, laŭ la kvalito de ŝia parolado, ke ŝi tion jam (eble kaŝe) entreprenis.

Post reciproka saluto de Probal Dasgupta, prezidanto de UEA, prenis la parolon Aleksander Sosna, vicurbestro de Bjalistoko, loko de la venontjara UK kaj naskiĝurbo de Ludoviko Zamenhof.


Foto de Peter Hauser

Li tre efike bildigis la fortan deziron de la tiulokaj polaj aŭtoritatoj, gastigi en sia urbo grandan kaj sukcesan kongreson, kiu samtempe reprezentu la nedisigeblan ligon inter nia movado kaj la urbo Bjalistoko, kie antaŭ 150 jaroj Zamenhof konceptis kaj ekverkis ideon, kiu rapide fariĝis realo.

## UEA centjara: alternativaj estontecoj

*Humphrey Tonkin pretigis la ĉi-sekvajn diskutopunktojn por la kunsido **UEA Centjara 2**, kiu okazos en **salono Hodler vendredon je 12h30.** Bonvolu partopreni la kunsidon kaj kontribui viajn opiniojn en la diskutaj grupoj, kiuj okazos post la enkonduka parolado de d-ro Tonkin kaj la rimarkoj de aliaj podianoj.*

Hector Hodler fondis Universalan Esperanto-Asocion tute juna (li havis 21 jarojn), kaj responde al la bezonoj de tiu epoko. Pasis cent jaroj. Kvankam la monda situacio kaj la teknikaj eblecoj profunde ŝanĝiĝis kaj plue ŝanĝiĝos, la baza aliro al la laboro ne ŝanĝiĝis kun sama rapideco: UEA restas organizaĵo kiu vivas ĉefe per enspezado de kotizoj kaj per liverado de servoj al la membroj. Kiun estontecon havu UEA kaj kiuj estas la ĉefaj bariloj al tiu estonteco?

Asocio subtenata de siaj membroj, sed kun pli vasta gamo de servoj, aŭ pli efikaj servoj?

Asocio dediĉita al la disvastigo (kaj lernigo?) de Esperanto, kies servoj ekzistu ĉefe por enspezigi la rimedojn bezonatajn por tiu disvastigo? Asocio kun detala kaj specifa politiko rilate lingvan diskriminacion, lingvan egalecon, lingvajn rajtojn k.s., kiu trovu sian rolon inter la aliaj diversaj neregistaraj organizaĵoj?

Tegmenta asocio kun filioj en la diversaj landoj (kontraste al la nunaj sendependaj landaj asocioj)?

Asocio, kiu vivas ĉefe per kampanjoj ligitaj al specifaj celoj, por kiuj oni kolektas monon, kaj surbaze de kiuj oni antaŭenigas kaj disvastigas Esperanton?

Asocio dediĉita al la Esperanto-kulturo, kun servoj kaj agadoj, kiuj ĉefe emfazas la plifortigon de la Esperanto-kulturo kaj Esperanto-movado, kaj donas proporcie malpli da atento al disvastigo kaj lernigo?

Inter tiuj diversaj eblecoj (kaj kombinoj de eblecoj), kiun estontan rolon havas la revuo kaj la kongresoj?

Ĉu la revuo restu esence tia, kia ĝi estas, aŭ fariĝu unu elemento en komunika strategio de UEA, kiu inkluzivas rete bazitajn iniciatojn k.s.?

Ĉu la kongresoj restu esence tiaj, kiaj ili estas, aŭ fariĝu festivaloj de la Esperanto-socio kaj Esperanto-kulturo?

# Kunvenaj raportoj

**ISAE – Internacia Scienca Asocio Esperantista.** La sciencamikoj kunvenis en ĵaŭdo, en la atenta ĉeesto de pluraj kongresanoj. Prof. Rüdiger Sachs gvidis la kunsidon, enkonduke klarigante ke ĝi bonvenigas ĉiujn E-parolantojn kiuj amas la sciencon kaj volas subteni la aplikon de nia lingvo en tiu larĝa kaj grava kampo. Por substreki la vastan diversecon de la temoj pri kiuj oni povas verki en *Scienca Revuo*, la trimonata organo de ISAE kiun li mem redaktas, eldonas kaj distribuas, d-ro Sachs reviziis unu el la lastaj kajeroj kaj alvokis la homojn verki artikolojn, aboni la revuon, legi kaj utiligi ĝin. Siaflanke, la ĝenerala sekretario de ISAE kaj estrarano de UEA José Antonio Vergara parolis pri la necesoj renovigi la tradician sintenon pri la ĝenerala temo Esperanto en la scienco (ekz. per aktiva engaĝiĝo en Vikipedio), krei la kondiĉojn por fari alirebla nian riĉan heredaĵon per ĝia enretigo, kaj ligi tiun heredaĵon al la strebado por lingvaj homaj rajtoj (ekz. scienca edukado per la gepatra lingvo al infanoj de lingvokomunumoj minacataj de la nuna lingva ordo). Oni starigis reton de kunlaborantoj por pridiskuti ĉi tiujn iniciatojn kaj proponi manierojn konkretigi ilin.

**MEL – Muzika Esperanto-Ligo,** jarkunvenis mardon la 22-an de julio de 14h00 ĝis 15h00 kun pli ol 20 homoj. La daŭra prezidanto estas Alan Bishop, la daŭra sekretariino estas Jennifer Bishop, la redaktoro estas Jesuo de las Heras, kaj komitataj membroj estas Ian Fantom kaj Pavla Dvořáková. Dum la ĝenerala diskuto, ni ricevis kelkajn informojn de diversaj muzikistoj tie, kaj ankaŭ ideojn pri la kreskado de informoj pri muzikaj aktivoj en Esperantujo. Ekzempleroj de nia organo *Muziko* estis disdonitaj, kaj ni diskutis la retan disvolvigon de MEL. Se iu deziras aliĝi al MEL, por ricevi numerojn de *Muziko* enhavantajn informojn kaj muzikaĵojn, bv. rete kontakti <Jennifer.Bishop@education.monash.edu.au>. Estas kotizo de kvin eŭroj, pagebla per la UEA-konto melx-y.

**LIBE, Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj,** kunvenis mardon matene en salono Faulhaber, arigante dudek du homojn el dek landoj. Post la sukcesa informado en la Movada Foiro, nun eblis raporti pri la tre bone organizita 74-a kongreso (IKBE) ĵus okazinta en Premantura, Kroatio. Tie plej ĝojigis ke LIBE fariĝis aliĝinta asocio en EBU, la Eŭropa Blindul-Unuiĝo, kiun atingon ni dankas al Arvo Karvinen. István Kabók KN 679 komentis ke antaŭjuĝojn (Dia puno) blinduloj suferas ankaŭ grandurbe, sed ke per socia engaĝiĝo plus vizito de fremdlandaj esperantistoj eblas akiri rekonon. Ni menciis ke nur po unu kasedo disponeblas de la voĉlegata *Jubileanto* kaj ke, se eble, jam komence de 2009 ni ŝatus transiri de kaseda al kompaktdiska versio de *Esperanto* kaj *Monato*, se la kopieja kosto ne superos la nunan. Neniu malakceptis. Nur por kelkaj la organizantoj bezonis aranĝi ekskurson. (En merkredo ni sesope vizitis la Utreĥtan muzon "De muzikskatolo ĝis stratgurdo".) Fine de la kunsido Stano Marček mem aperis por akcenti sian eldonon de siavoĉaj kd-oj de interalie la fabeloj de Andersen (unua volumo) kaj de la fratoj Grimm, akireblaj en la libroservo. Li ankaŭ volonte rajtigis kompletigi la jam al LIBE donitajn materialojn el sia rektmetoda lernolibro per la Esperantaj gramatikaj klarigoj.

**Akcepto por la Patronoj de TEJO** okazis lundon je 17h00 en salono Faulhaber. TEJO-Patronoj estas inter la plej fidelaj subtenantoj de la junulara sekcio de UEA: ili regule idee kaj finance subtenas la organizaĵon. Kiel tradicie TEJO profitis de ilia multnombra ĉeesto dum UK por bonvenigi ilin en aparta akcepto. En agrabla etoso okazis viglaj babilado kaj diskutoj pri pasinteco, nuneco kaj estonteco de TEJO inter la Patronoj kaj la reprezentantoj de TEJO – Gregor Hinker, TEJO-prezidanto, Marcos Cramer, redaktoro de la organo *TEJO-Tutmonde*, kaj Julia Noe, TEJO-volontulino. Ankaŭ en vendredo riceveblos informoj pri TEJO kaj pri la eblo fariĝi TEJO-Patrono, ĉe la TEJO-budo en la kongreseja halo.

**Subkomitato kulturo kaj kongresoj.** La Belartaj Konkursoj estis unu el la plej interesaj temoj de diskuto de la subkomitato pri kulturo kaj kongresoj. La rapideco de la nuna tekniko estas tia, ke necesos eksperimenti pri proponoj de premioj pri muziko en alia maniero ol la regularo pensis, ĉar ne plu ekzistas verkoj kiuj ne estas jam publikigitaj interrete aŭ en alia maniero. La subkomitato ankaŭ diskutis pri la graveco de teatro por kongresoj, kaj pri manieroj evolui la programojn de kongresoj.

Vendrede matene la Komitato de UEA ricevos resumon de rekomendoj el la subkomitata kunsido, kiun gvidis Michela Lipari kun la ĉeesto de estrarano Claude Nourmont.

**Subkomitato faka kaj scienca agado.** El trideko da partoprenantoj en la subkomitato pri faka kaj scienca agado, mallonga sinprezento montris, ke preskaŭ same multaj fakaj asocioj estas reprezentitaj kiel nombro da ĉeestantoj. Diskuto temis pri ebleco de kunlaboro aŭ interŝanĝo de spertoj inter fakaj asocioj kun malsamaj fakoj, sed ankaŭ pri penso de komunaj aranĝoj de fakaj asocioj kun tute malsamaj temoj. Eventuale du aŭ pluraj fakaj asocioj povus kune aranĝi konferencon, por kiu unu el la asocioj sola ne estus sufiĉe granda. La kunsidon gvidis Ulrich Lins, kun ĉeesto de la estrarano José Vergara, kiu resumos la rekomendojn por transdono al al Komitato de UEA en vendredo.

**Subkomitato edukado.** Edukado estis diskutata en pluraj lokoj samtempe en la kongresa mardo, ĉar estis la Tago de la Lernejo, kaj la tempo por diskuto estis tro mallonga. La subkomitato diskutis pri sistemoj de ekzamenoj, kiuj ŝanĝiĝas kaj per tio donas taskojn de novaj specoj al la Esperanto-organizaĵoj. Estis du gvidantoj de la kunsido, Mireille Grosjean kaj Atilio Orellana Rojas, kiuj resumos la rekomendojn de la kunsido por la Komitato vendredon matene.

# Katalin Kováts – impona triumfo de Van Gogh-prelego

Kiam mi ĵus abonis *Kontakto*-n ĉe la TEJO-budo kaj levis la kapon, mi ekvidis grandegan homamason malantaŭe kaj demandis al la deĵoranto, kio okazas tie. Ŝi ne sciis, sed en mia kapo lumiĝis alarmsignalo: ĉu tie, en la malgranda salono Piron, okazos la prelego pri Van Gogh? Tuj mi aliris homojn en la vico por informiĝi, kaj mia timo estis pravigita, ili ja atendis ĝuste tiun prelegon. Kion fari? Pli bone enviciĝi kaj esperi, ke restos iu sidloko libera. La espero restis ĝis kiam mi transiris la sojlon de la salono. Ne unu seĝo restis libera, ĉie staris aŭ iris homoj: same en la centra kiel en la flankaj pasejoj, kaj daŭre envenis aliaj tra la tri pordoj.

Kio okazos? Feliĉe evidentiĝis, ke la salono Hodler estis libera, kaj oni asertis, ke ne estos komputila problemo. Katalin Kováts petis min transporti la komputilon, kies baterio estis preskaŭ malplena. Dum aliaj zorgis pri la cetera materialo, kun la komputilo enbrake mi kuris en la salonegon, al la katedro kaj konektis ĝin tie al elektro. Sed ve, evidentiĝis, ke tie ekzistas nenia eblo por konekti ĝin al la ekranego super la scenejo. Dum pleniĝis la salono, necesis sekvi kelkajn klarigojn de Katalin por poste aperigi la dosierojn bonorde, ĉion rapide kopii sur USB-ŝlosilon, kaj porti tiun kun la dvd-oj en la kontrolturon.




Tie supre oni havas belegan vidon super la tutan salonon, troviĝas plena vico da komputilaj ekranoj, du dvd-legiloj, kvar aŭ kvin klavaroj, musoj, grandegaj ŝalttabuloj, kabloj ĉiaj kaj ĉieaj kaj multaj aliaj aferoj, kiujn mi eĉ ne atentis, ĉar mi ja devis kompreni kiel funkcias la komputilo kaj ĉu ĝi enhavas la bonan programon. Dume Katalin komencis la prelegon. Feliĉe la dvd-legilo tuj akceptis la dvd-on kaj la teknikisto startigis la filmon, kelkajn sekundojn poste aŭdiĝis ankaŭ la muziko. Uf! La unua afero sukcesis.

Nun mi havis iom da tempo por plutrakti la komputilaĵojn. Je la fino de la filmeto, iom tro rapide la teknikisto afiŝis la unuan bildon de la prelego, sed mi esperis, ke tio ne tro gravas. Miaj okuloj fikse streĉiĝis sur Katalin, kiun mi povis vidi nur starante; la pinto de mia montrofingro tuŝis apenaŭ la klavaron por afiŝi la sekvan bildon – sufiĉe por tuj alklaki ĝin, sed tamen ne tro. Mi provis sekvi la tekston de la prelego, sed foje la teknikistoj babilis tiom laŭte inter si – nederlande kompreneble, ke nur malfacile mi kaptis la vortojn de Katalin. Ankaŭ ŝiajn gestojn mi atentis, kvankam ni ne akordiĝis pri ia speciala – kaj foje ne klaris al mi, ĉu estis gesto por montri ion sur la bildo, aŭ indiko ke mi afiŝu la sekvan.

Problemo okazis, kiam venis la fino de la unua el entute ses dosieroj – dekstra musklako tute ne funkciis, fakte tio afiŝis la antaŭan bildon. Feliĉe la teknikisto vidigis intertempe la kongresan bildon, kaj klarigis al mi kiujn klavojn uzi. Do, fermo de la unua dosiero, malfermo de la dua, lanĉo de la bildaro kaj permuto de la ekranego al tiu komputilo. Iom post iom mi plispertiĝis kaj ne plu bezonis la helpon de la teknikisto kiam alvenis la fino de la dosiero, sed intertempe miaj kolo, ŝultroj kaj dorso doloris. Mi ne aŭdacis sidiĝi, apenaŭ trinki iom da akvo, ĉar mi timis ne vidi la sekvan geston de Katalin aŭ mistrafi ŝian peton – kio ja foje okazis, sed espereble ne tro ĝenis la ĉeestantojn. Alkutimiĝinte al la teknikaj aferoj mi pli kaj pli bone sekvis la rakonton, atentis la bildojn kaj preskaŭ sentis Vincent van Gogh travivi la tragikajn spertojn dum sia vivo. Mi tute ne estas pentraĵemulo, sed tiel, kiel estis rakontita la afero, ĝi iĝis fakte reala dramo, kaj ne nur mi, sed ankaŭ la ĉirkaŭ 600 aŭskultantoj sube en la salono, haltigis sian spiron kaj atendis la tragikan finon de la vivo de Vincent van Gogh, kiun akompanis sur la ekrano lia lasta artverko.

Post silento, leviĝis ĉiuj en la salono kaj ektondris aplaŭdegado. Verŝajne neniu iam ajn spertis tian kortuŝan, vivan, kaptivan prezenton de pentristo kaj de ties verko. Katalin Kováts brile sukcesis konatigi la vivon de tiu sentema nederlanda pentristo, kiu fine mortigis sin por helpi siajn familianojn.

Se vi ne povis ĉeesti la prelegon, provu almenaŭ trovi la resuman libreton *La vivo de Vincent van Gogh*, kiu vendiĝas kontraŭ 3 eŭroj ĉe la aŭtoro.

Beatrice Allée

## Somera karnavalo sabaton en Roterdamo

Samtempe kun la fino de la kongreso okazos somera karnavalo en Roterdamo. Ne estu do surprizita, se vi ekvidas milojn da homoj el dekoj da diversaj mondpartoj kaj kulturoj festantajn ĉirkaŭ la kongresejo kiam vi foriras post la Solena Fermo en sabato, aŭ eĉ antaŭe en la vendreda vespero. Kune festu se vi volas, kaj eble eĉ kaptu la okazon por reklami Esperanton – sed zorgu pri via monujo kiel ĉiam, kaj estu preta devi iom rondiri por atingi la Centran Stacidomon, se vi devas tien iri por forvojaĝi. Al tiuj kiuj povas kaj emas iom pli longe resti... bonan karnavalon!

## Pli (mal)multekoste por 2009

La kotizoj de UEA por 2009 estos pli altaj ol en 2008. Por kelkaj landoj ili plialtiĝos eĉ relative multe, pro la evoluo de la kurzo de eŭro. Dum tiu chi UK tamen eblas ankoraŭ kotizi por 2009 laŭ la tarifo de 2008. Indas do iri al la giĉeto de la UEA-kasisto por ŝpari! Frua kotizado helpas ankaŭ la administradon en la CO.

## Prezento ĉe la infankongreseto

Post plenaj programoj en mardo kaj ĵaŭdo, vendredo estos ankoraŭ alia eventoriĉa tago. Carina, Ĵomart kaj Nataŝa venos por koncerti, eble ankaŭ homoj de la nacia televido, kaj de 14h00 ĝis 15h00 okazos oficiala prezento de la nova libro *Paolo, la lernanto de Leonardo da Vinĉi*, historia romano pri Florenco. La prezento estos en ĉeesto de la nederlanda aŭtoro Hans Ulrich, la tradukistino Benata Hengstmengel-Koopmans, kaj la reviziisto Bert Schumann, ĉefgvidanto de la Infana Kongreseto. Eldonis la libron Petro Chrdle de la eldonejo KAVA-PECH okaze de la ĉi-jara UK kaj IIK en Nederlando. La libro ankaŭ jam dum la tuta kongresa semajno haveblas en la libroservo.

## Notu bone!

### Novaj programeroj

- **Vikipedio denove.** Pro la grandega interesiĝo montrita, okazos plia kleriga sesio pri Vikipedio, nome vendredon de 16h30 ĝis 18h00 en salono Lapenna. La vikipediistoj rakontos pli pri la la vikipedia mondo kaj pri la mirinda vikipedia fotokolekto, kaj respondos al demandoj.
- Kunveno pri **Indiĝenaj Popoloj** vendredon je 15h30 en salono Wensing.
- **Dua ŝanco je Dua Vivo.** Estos dua eblo viziti la tre sukcesintan informkunvenon pri Esperanta agado en la virtuala mondo Dua Vivo. La kunveno okazos vendredon 16h30-18h00 en salono Piron. La gvidantoj estos Anna Löwenstein, Beatrice Allée, kaj per retkonekto el Hispanujo, Rafaelo Markstein.

## Kongresa aŭkcio

Se vi jam eklacas pro tuta semajno da kongresumado, vi certe revigliĝos en vendredo je 16h00-17h30 en salono Uitterdijk dum la aŭkcio, kiun ankaŭ ĉi-jare gvidos la piroteknikisto Humphrey Tonkin.

La aŭkcio proponos kelkdekon da libroj k.a. esperantaĵoj, kiujn oni vendos profite al la Volontula Fondaĵo de UEA. Inter ili estas raraĵoj kiel ekz. la pola eldono de la Unua Libro el 1887, la unua originala Esperanta romano *Kastelo de Prelongo* de Vallienne el 1907, kaj la jarkolektoj 1922-1923 de "Literatura Mondo" kunbinditaj. Unu tradicia aŭkciaĵo kompreneble ne mankos: kongresa numero 1 de la venonta UK, t.e. la 94-a UK en Bjalistoko en 2009.

## Gazetaraj kontaktoj

(daŭrigo de *Jubileanto* n-ro 2)

**La 19-an de julio:**
NOVA TV elsendis vespere pri la konferenco pri interlingvistiko en Amsterdamo, intervjuis kelkajn junajn kaj maljunajn esperantistojn. Oni povas spekti la programon per Interreto sub la rubriko *uitzending gemist* (maltrafita elsendo) ĉe www.nederland3.nl/uitzendinggemist/zaterdag.

**La 20-an de julio:**
Intervjuo kun ĵurnalisto de *De Pers*, senpaga ĵurnalo, kiu aperis la 21-an de julio sub la titolo ke Esperanto estas bonega merkato por serĉi amant(in)on.

**La 20-an de julio:**
Telefona intervjuo por *Wereldomroep* kun Marc van Oostendorp el la kongresejo.

**La 20-an de julio:**
En *NOS Jeugdjournaal* (porjunulara televida ĵurnalo) estis programero pri la infana kongreseto kun intervjuo kun kelkaj infanoj kaj dekaĝuloj. Spektebla ankaŭ per *uitzending gemist* ĉe www.nos.nl/jeugdjournaal/voorpagina/index.html.

**La 21-an de julio:**
Intervjuiĝis David Bisset, sekretario de la Esperanto-Asocio de Skotlando, por populara matena programo de BBC Radio Scotland. El la kongresejo, Stephen Thomson parolis rekte kaj trafe pri nia lingvo al la skotaj aŭskultantoj. La intereso pri Esperanto en Britio nuntempe ekiĝas pro decido de 'Littlewoods', tutlanda vestaĵovendanto, fari televidan reklamon pri sia novaj porvirinaj vestoj tute en Esperanto. Estas tre bonŝance ke tiu reklamo aperis ĝustatempe por vaste atentigi homojn en Skotlando pri nia lingvo kaj nia Kongreso.

**La 22-an de julio:**
Ĵurnalisto de NOVUM, interreta novaĵagentejo, filmis diversajn homojn kaj eventojn en la kongresejo. Spektebla per Interreto ĉe www.novumnieuws.nl.

**La 22-an de julio:**
Intervjuo kun Ineke Emmelkamp por Pola Radio pri la ekskursoj dum la kongreso. Elsendo sekvatage en la 23-a de julio.

ROTERDAMO

# Jubileanto

N-ro 6
sabato, 26-a de julio
redakciejo: ĉambro Vermaas
retpoŝto: kuriero@co.uea.org

Kongresa Kuriero de la 93-a Universala Kongreso de Esperanto, Roterdamo 2008

# Finiĝas la UK, komenciĝas somera karnavalo: niaj lastaj piroteknikaĵoj



La aŭkcio: Humphrey Tonkin kaj portreto pri Zamenhof.



Tazima Mayuko rave kantis kaj ludis japanan gitaron kaj fortepianon.



Roy McCoy prezentis propre verkitan *country*-kanton.

Fotoj de Peter Hauser

## Kongresa Rezolucio

La 93-a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninte en Roterdamo de la 19-a ĝis la 26-a de julio 2008 kun 1845 partoprenantoj el 73 landoj por diskuti la kongresan temon "Lingvoj: trezoro de la homaro",

**Festante** ĉi-jare la centjariĝon de Universala Esperanto-Asocio,

**Notante** la gravan rolon de lingvoj en la konservado de scioj kaj kulturoj, kaj en la ebligado de malsamaj aliroj al la mondo,

**Rimarkante** la daŭran diskriminacion kontraŭ lingvoj je ĉiuj niveloj kaj aparte kontraŭ la lingvoj de indiĝenaj popoloj kaj malplimultoj, kaj

**Atentigante** pri la valoro de la facile lernebla kaj neŭtrala lingvo Esperanto, kiu estas mem lingva trezoro de la homaro, kaj pri la pli ol centjara sperto de ĝia praktika utilo kiel ligilo inter kulturoj,

**Varme bonvenigas** la decidon de Unuiĝintaj Nacioj, ke la jaro 2008 estu Internacia Jaro de Lingvoj, kaj alte taksas la iniciatojn de Unesko en tiu kampo menciitajn en la mesaĝo de ties Ĝenerala Direktoro al la kongreso,

**Reemfazas** la neceson doni egalan respekton al ĉiu lingvo, al ĉiu kulturo kaj al ĉiu homo en la mondo,

**Alvokas** la Esperanto-komunumon disvastigi Esperanton kaj ĝiajn valorojn de respekto al ĉiu homo kaj de egaleco inter ĉiuj homgrupoj, kaj per tio kontraŭbatali la malaperon de lingvoj kaj kulturoj tra la mondo,

**Invitas** al kunlaboro kun ĉiuj organizaĵoj kaj instancoj kiuj laboras por konservi lingvojn kaj kulturojn kaj defendi lingvajn homajn rajtojn,

**Instigas** ĉiujn agnoski la esencan valoron de lingva diverseco, lige kun la kreskanta agnosko pri biologia diverseco, kaj

**Proponas** al la monda komunumo science esplori la rolon de Esperanto en pli efika kaj justa komunikado tra la mondo.

*Oni povas peti anglalingvan tradukon ĉe direktoro@co.uea.org. Baldaŭ disponeblos ankaŭ tradukoj almenaŭ en la franca kaj hispana lingvoj.*

# Kunvenaj raportoj

**Subkomitato eksteraj rilatoj.** Diskutoj pri UN kaj Unesko estis la ĉefa enhavo de la subkomitata kunsido pri eksteraj rilatoj en la kongresa ĵaŭdo. Nun ja estas la Internacia Jaro pri Lingvoj, kaj UEA faros raporton al Unesko pri sia kontribuo kiel neregistara organizaĵo. Estrarano Ranieri Clerici rakontis pri la aranĝo de seminario pasintaprile en Ĝenevo, kaj pri aliaj iniciatoj. Li promesis doni retadresojn de kelkaj Unesko-paĝoj al tiuj kiuj interesiĝas. Renato Corsetti gvidis la kunsidon, kun helpo de Ileana Schroeder, kaj raporto kun rekomendoj estos preparita por la vendreda kunsido de la Komitato.

**Kristanoj.** Dum la ĉi-jara UK, la kristanoj unuafoje renkontiĝis ĉe Remonstranta preĝejo, kie dimanĉon la 20-an de julio okazis la ekumena diservo. La diservon ĉeestis tricento da kongresanoj; ĝin gvidis pastro Peter Knauer kaj pastoro Gerrit Berveling. La komuna kunsido de anoj de IKUE kaj KELI okazis mardon, la 22-an de julio. La kunsidon ĉeestis pli ol cent kongresanoj. Dum la kunsido oni koncize prezentis aktualan agadon de ambaŭ asocioj. La ĉeestintoj ankaŭ estis informitaj pri la ĉi-jaraj kongresoj de IKUE kaj KELI, kiujn oni aranĝas aparte, kaj pri la Ekumena E-Kongreso okazonta en Vroclavo antaŭ la 94-a UK. Ege interesan prelegon pri sia laboro rilate la tradukon de la Biblio prezentis Gerrit Berveling. Krome, dum la kongresa semajno katolikaj kongresanoj havis eblecon ĉiutage partopreni sanktan meson en la katedralo.

**INA, Internacia Naturkuraca Asocio,** kunvenis ĵaŭdon je 16h30 en salono Piron. La partoprenantoj aŭdis tri prelegojn kaj povis parte praktiki la novajn konojn. Post raporto pri la 3-a INA-Konferenco, okazinta pasintsemajne en Herzberg, la Esperanto-urbo, fare de la prezidanto de INA, naturkuracisto Harald Schicke (Germanio), d-ro Alfredas Maruschka (Litovio) prezentis novan diagnozilon. Hubert Schweizer, germana naturkuracisto, montris, kiel oni povas influi siajn korpon kaj animon pere de fingropremado al certaj akupunkturaj punktoj. Fine Harald Schicke prezentis la kvin kolonojn de la naturkuracado laŭ pastro Kneipp (akvokuracado, herbokuracado, nutrado, movado, vivordigo).

**Rondo por pripensi UK-on** kunvenis vendredon kun pli ol tridek partoprenantoj en salono Wensing. Sub prezido de Tacuo Huĝimoto deko da ĉeestantoj esprimis sian opinion plende kaj plede pri diversaj eroj de tiu ĉi UK. Post esploro pri enketo pri UK, oni publikigos ties rezulton. Ankaŭ neĉeestintoj estas invitataj poste skribi tiuteme al KN 146 kaj KN 147.

**EVA, Esperantlingva Verkista Asocio,** kunvenis ĵaŭdon sub la gvido de sia prezidanto Mauro Nervi. Dum la kunsido – post unujara traktado kaj skriba voĉdonado de 34 membroj – EVA transformiĝis de faka asocio de UEA al Akademio Literatura de Esperanto (ALE). Estis prezentita la statuto de ALE kaj ĝiaj celoj. La prezidanto Nervi prezentis historian superrigardon pri la agado dum la pasinta kvaronjarcento de EVA kaj dankis al ĉiuj kulturagantoj, kiuj faris kontribuon al ĝiaj disvolviĝo kaj progreso. Sekve oni konigis la liston kun la nomoj de la novaj 33 akademianoj. Samtempe estis elektitaj honoraj membroj de ALE: Baldur Ragnarsson, Edwin de Kock, Marjorie Boulton, Humphrey Tonkin kaj Probal Dasgupta.

**EDE, Eŭropo Demokratio Esperanto**, kunvenis kun ĉeesto de ĉirkaŭ 70 personoj por informiĝi, kun postaj diskutoj daŭrantaj ĝis vespere. En 2004, nur francoj partoprenis eŭropajn balotojn, kun pozitivaj rezultoj (du filmetoj televidaj, pli ol 25 000 voĉoj...). Bona novaĵo: en 2009 ankaŭ germanoj partoprenos. Ŝajnas malpli facile en la... 25 aliaj landoj de Eŭropa Unio. En Hungario estis kunvenoj. Nederlandanoj pripensas. Poloj proponis almenaŭ helpi tiujn, kiuj partoprenos (mone, materiale...?). Antaŭdankon al ĉiuj, kiuj sekvos tiun kuraĝan ekzemplon. Ni esperu, esti multe pli da landoj en 2014. EDE ne antaŭvidas multajn deputitojn, sed celas, poziciiĝante nek dekstre nek maldekstre, antaŭenigi la komunan bonon de Eŭropa Unio dank' al Esperanto por demokratio, egaleco de ĉiuj civitanoj pri lingvaj homaj rajtoj, ŝparo da mono (vidu rete la raporton de François Grin), helpo al plurlingvismo ktp. Male al la klasikaj partioj, kiuj por obteni povon promesas ĉion kaj poste donas malmulte, ni esperantistoj proponas bonegan solvon jam pretan por unu sufiĉe grava problemo. Interesiĝu, aliĝu, subtenu – por Eŭropo kaj Esperanto.

# Alia 100-jara jubileo



Ĵaŭdon posttagmeze okazis en halo Hodler eksterordinara koncerto de la internacie renoma germana *boogie-woogie*-pianisto Frank Muschalle – donaco de Helmut Kluender al la 93-a Universala Kongreso okaze de la 100-jariĝo de Esperanto en sia familio.

La koncerto allogis pli ol 350 kongresanojn. La gaja kaj rapida muzikstilo impresis la aŭskultantojn; speciale kaptiĝis la meksikaj ĉeestantoj, kiuj laŭ la propono de Muschalle entuziasme dancis.

Kiu ankoraŭ ne sukcesis aĉeti diskon de tiu brila pianisto, povas konsulti lian retejon www.frankmuschalle.de, kie eblas ankaŭ aŭskulti provspecimenojn.

Wolfgang Bohr

# IKU fermiĝis per nia bardo Ragnarsson

*La programo de la UK antaŭvidas* inaŭguron *de IKU, sed ne fermon, do Wim Jansen, rektoro de la Kongresa Universitato, "permesis al si privatan ekskurson ekster la oficialan programon" kiun ni transskribas ĉi tie, kiel brila resumo de la universitata laboro ĉe nia 93-a UK:*

Enkonduke mi emfazis la edukan valoron de IKU kaj mi revenas al tio tre resume. En sia unua prelego, *Hans Michael Maitzen* rilatis nian homan estadon al la kosma medio nin ĉirkaŭanta kaj al kies influo ni estas deeterne kondamnitaj. *Bengt-Arne Wickström* kaj *Jukka Pietiläinen* alportis esplorrezultojn, faktojn kaj pensojn al ĉiuj el ni, kiuj laboras por Esperanto en mondo, en kiu – ne ĉiam sinergie – kulturaj valoroj kaj komerca utilo miksiĝas kaj sin reciproke influas. *John Wells* donacis al ni brilan sonspektaklon, ilustrante i.a. kiel feliĉaj ni devus esti pri la modesta, sed universala soninventaro, kiun Zamenhof elektis por sia lingvo. *Geoffrey Greatrex*, laŭ la sulkoj de la plej bona brita histori-scienca tradicio, impone kaj atentokapte kondukis nin en kelkajn sekretajn de la malfru-romia imperio kaj liveris pri tio tekston en bela Esperanto. *Maritza Gutiérrez González* montris kaj klarigis al ni la kortuŝan sukceson de alfabetiga sistemo devena de Kubo, sed aplikebla tutmonde. *Mauro La Torre* sisteme kaj penetre starigis al ni demandojn pri nia rolo en interlingva edukado helpe al la konservado de la tutmonda lingva kaj kultura mozaiko. *Probal Dasgupta* tuŝis la socilingvistikan temon diglosio el nova, kogna perspektivo kaj sukcesis komprenigi, ke diglosio ne estas nepre stabila, sed povas konduki al diversaj formoj de unulingva reduktiĝo. En la konkluda sesio, *Baldur Ragnarsson* suverene parolis pri sia poemverkado en Esperanto kaj en la islanda, teksante fadenojn inter sia plej frua serioza soneto kaj lastatempa versaĵo. Kun granda bedaŭro ni devis konstati, ke nia irana kolego *Keyhan Sayadpour* ne sukcesis realigi sian vojaĝon al Roterdamo, sed bonŝance la teksto de lia antaŭvidita prelego riĉigas la ĉi-jaran kajeron de IKU.

Citante fragmente el la poemo *La Celo sen Difino* de Baldur Ragnarsson, ke

*La demando ne estas kiel vojon fari ...*
*Nek estas la demando kiel starigi domon ...*
*Kio validas por nia kazo prefere*
*estas du fortaj piedoj*
*koro kuraĝa*
*kaj drasta senfina emo por la horizontoj ...*

mi ne povas ne konstati, ke niaj prelegintoj akompanis nin al tiuj horizontoj. Ni, aŭskultintoj, esploru ilin inspiritaj de nia islanda poeto, kiu ajn estas la celo, kiun ĉiu el ni difinis por si mem – laŭ Baldur la plej bela kaj liberiga trajto de la strebado al tiuj horizontoj. Ĉu vi estas raŭmistoj aŭ finvenkistoj, ĉu adeptoj de Montevideo, de Tyresö aŭ de Prago, nome de vi ĉiuj kaj kun danko al niaj prelegintoj kaj al la aŭskultintoj mi fermas la ĉi-jaran sesion de la Internacia Kongresa Universitato.

# UEA-Komitato rekunsidas

Burundio estas nova landa asocio en UEA post decido de la Komitato de UEA en la kongresa vendredo. La nova asocio havas la nomon Asocio Nacia por Esperanto en Burundio (aŭ eventuale la landnomo en la asocia nomo estos Burundo).

La Komitato krome faris longan vicon da decidoj post la rekomendoj de la subkomitatoj, kiuj kunsidis dum la semajno. La baza kotizo estos pli alta en 2009 je unu eŭro, sed tiuj kiuj pagas por 2009 tuj, povas pagi laŭ la nun valida kotizo. Buĝeto estas akceptita, kaj same la buĝeto pri uzo de la fondaĵoj dum 2009. La faka asocio ELF/AREK estonte rolos kiel kunlaboranta faka asocio (ĝis nun ĝi estis aliĝinta faka asocio).

La Komitato ricevis raportojn de la subkomitatoj pri financoj, eksteraj rilatoj, edukado, informado, kulturo kaj kongresoj, landa kaj regiona agado, faka kaj scienca agado, kaj junularo. En ĉiu raporto estis pluraj rekomendoj, kiujn la Estraro traktos dum la venonta jaro. La Estraro krome lanĉos laboron pri la strategia laborplano por periodo post la valido de la nuna laborplano.

Protokolis kaj raportis Ulla Luin

# Junulara ekskurso al Delft, Hago kaj la maro

La junaj partoprenantoj de la 93-a UK havis la eblon partopreni krom la ĉefa programo ankaŭ programon junularan. Ties riĉecon atestas la multaj okazintaj programeroj, inter kiuj la plej interesaj estis la interkona vespero, du koncertoj, kaj projekciado de filmoj subtekstigitaj en Esperanto. Ankaŭ inter la merkredaj ekskursoj ne mankis aranĝo speciale organizita por la junuloj. Kelkajn lokojn tamen plenigis kongresanoj ekster la TEJO-aĝo.

En la unua parto de la merkreda ekskurso oni vizitis du gravajn nederlandajn urbojn. La partoprenantoj povis sperti la kontraston inter la historia Delft kaj la moderna sidejo de la registaro Hago (Den Haag). Sub gvidado de Robert von dem Borne kaj Nico Huurman, oni eksciis pri la ĉefaj vidindaĵoj de ĉi tiuj lokoj. Parto de la komence 33-membra grupo sekve pluiris al la plaĝo ĉe Scheveningen por tie naĝi en la Norda Maro. La vetero favoris la ripozantojn kaj provizis ilin je suna ĉielo kaj agrable ondumanta maro. Post surprize favorpreza vespermanĝo en la vilaĝo oni finis la tagon spektante la sunon subiri en la maron.

# Komuna vegetara manĝo

La vesperon de la ekskursa tago, grupo de 39 vegetaranoj kaj kunmanĝemuloj trame veturis al "De Oude Plek", vegetara ĉina restoracio en Lombardijen. La partoprenantoj ĝuis la tre varian kaj bongustan bufedon kaj Esperantan etoson, kaj trajne reveturis al la centro de Roterdamo. La ekskurso estis organizita de Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio (TEVA).

## Terminologia Forumo

Sub la titolo "Lingvokultivado sur la faka kampo: persista defio por Esperanto", okazis laŭplane la Terminologia Forumo, komuna iniciato de la koncernaj estrarano de UEA kaj sekciestro de la Akademio de Esperanto. Oni resume konstatis la korpusoplanan karakteron de la agado sur tiu ĉi kampo kun ok eblaj vojoj por la estonteco (H. Tonkin), ekzamenis la itineron de la antaŭaj klopodoj kaj atingoj (Wera kaj Detlev Blanke), kaj detaligis kelkajn problemojn dum elektado aŭ kreado de fakvortoj, el la vidpunkto de la Akademio (Marc Bavant). Poste oni prezentis konkretajn iniciatojn nuntempajn, nome Komputekon de E@I (Yves Nevelsteen), konstruistan terminologio-cirkuleron kiun faras rondo gvidata de Jan Werner (Fabien van Mook), kaj la lastan volumon el la serio de etvortaroj, ĉi-kaze pri germana-Esperanto-pola pri lingvo kaj komunikado (Ilona Koutny). La ĉeestantoj montris viglan interesiĝon pri la temo kaj komprenemnon pri ties graveco por la perspektivoj de la lingvo. Oni esprimis la intencon krei diskutgrupon por esplori la ŝancojn restarigi la Terminologian Esperanto-Centron de UEA, kunlabore al la projekto terminaro.net de E@I.

Raportis José Antonio Vergara

## Nova komerca agado

Grupo da brazilaj juvelistoj kaj fakuloj pri gemoj estas partopreninta la 93-an UK-on kiel ekspoziciantoj cele al surmerkatigo de ties varoj. Fakte oni ne atendas tiom multe vendi tuj, sed fari la unuan paŝon uzante Esperanton kiel laborlingvon. La grupo plu faros aliajn paŝojn, kiel aperigi anoncojn en la Esperanta gazetaro kaj organizi karavanojn komercajn, ĉiam uzante Esperanton kiel laborlingvon. La grupo estas apogata de banko de Brazilio, ABRAGEM (Brazila Asocio de Produktantoj de Gemoj) kaj SEBRAE (Brazila Organizo por Entreprenado).

## Post la Kleriga Lundo

Partoprenintoj de (kaj interesatoj pri) la traduk-ekzerco de Brian Moon kaj István Ertl trovos la Esperantan tradukon, kaj ligon al la diverslingvaj originaloj, en la retejo Libera Folio (www.liberafolio.org) post la 30-a de julio.

## Senpaga broŝuro

Iuj kongresanoj ne ricevis la broŝuron "Spirita vivo en la socio" en sia kongresa sako. Al tiuj volonte sendos ĝin senpage Eldonejo Prosveta, CH-1808 Les Monts-de-Corsier, Svislando.



## Internaciaj Ekzamenoj UEA/ILEI

Ĉi-jare la internaciaj ekzamenoj vekis intereson ĉe pluraj kongresanoj. Lunde posttagmeze 17 personoj el 13 landoj kuraĝe alfrontis la gramatikan antaŭteston. Marde 15 personoj laboris diligente dum pli ol 3 horoj pri la skribaj taskoj, kaj ekde ĵaŭdo 13 kongresanoj estas posedantoj de 3 elementaj kaj 10 mez-nivelaj ekzameno-atestiloj, kiujn ili ricevos perpoŝte (pro la malĉeesto de la sekretario de Internacia Ekzamena Komisiono, kiu devos subskribi la atestilojn).

Ni elkore gratulas al la sukcesintoj!

Mi esperas, ke tiuj kiuj perdis kelkajn valorajn poentojn dumvoje, tamen ne perdis la kuraĝon, kaj ke ili revenos la sekvan fojon por havigi al si la meritotajn atestilojn. Ankoraŭfoje gratulojn al ĉiuj partoprenantoj en la nomo de la Loka Ekzamena Komisiono.

Mónika Molnár,
prezidanto de la Loka Ekzamena Komisiono

Pri la ekzamenoj, mi emfazus, ke estas granda diferenco inter la postulo je lingva nivelo kaj tiu je kultura nivelo. Fakte la kandidatoj por meza nivelo flue kapablis Esperanton, kaj laŭ lingva nivelo estis super la nivelo de meza ekzameno, sed pri kulturaj konoj venis strangaj respondoj (kiel tiu pri la prezidanto de la Akademio). Do aktuala demando pri kiu indas debati: kiun rolon havu kulturaj scioj en Esperanto-ekzamenoj?

François Lo Jacomo,
membro de la Loka Ekzamena Komisiono

*Jubileanto*, via ĉi-jara Kongresa Kuriero, estis redaktita kaj enpaĝigita en kaj dank' al la Centra Oficejo de UEA. Ĝin produktis Bruĉjo Kasini kaj Roy McCoy, kiuj volas danki al ĉiuj dumsemajnaj kunlaborantoj, nome: Osmo Buller, Bert de Wit, Peter Hauser, Claudio Imbrenda, Katalin Kováts, Marijke Lathowers, Ulla Luin, Bert Schumann, Rob Moerbeek, kaj ĉiuj kongresanoj kiuj raportis pri siaj kunsidoj. Kelkaj fotoj estis prenitaj el Vikipedio, pri kiu volonte informas Ziko van Dijk, kongresa numero 532.

## Lastaj aliĝintoj

| | | |
|---|---|---|
| 1842 | hwso-r | S-ino Song Kyunghwa, Kolong APT 706-202, Kongchon 7, Madu 2 dong, Il san, Kojang-si, Kyung-gi-do, Koreio |
| 1843 | | Song Roemyung, Kolong APT 706-202, Kongchon 7, Madu 2 dong, Il san, Kojang-si, Kyung-gi-do, Koreio |
| 1844 | | S-ino Christa Boumans, Kwartelstraat 18, 2623 PG Delft, Nederlando |
| 1845 | vbbh-f | S-ro Villards Henriksen, Njalsgade 39, 2300 København S, Danio |